VII[a] jaro. N° 109 ★ Duonmonata ★ 5 Oktobro 1911

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**

Jara abono . . . . . . 2,00 $ (5 fr. ») 
Luksa eldono . . . . . 2,50 $ (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato.*

DIREKTORO :
HECTOR HODLER

**REKLAMO**

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). **20 Sd.**
Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . **15 Sd.**
Korespondado (1 enskribo) . . **20 Sd.**
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



# LA VIVO DE LA ESPERANTA LITERATURO

Ni estas feliĉaj publikigi ĉi tie ekstraktojn de la tre bela parolado, kiun faris pri *Esperanta Literaturo* nia kunlaboranto *Ed. Privat* en Antverpeno, ĉe la disdono de la premioj de la Kongresaj Konkursoj.

*Kiel naskiĝas literaturo.*
*Ĝi estas necesa kaj neevitebla.*

Kelkaj al ni riproĉis, ke ni faras literaturon en Esperanto, aliaj ke ni literaturon ne havas. Unu la alian sin detruas tiaj kritikoj. Kiel estas eble, ke lingvo vivu sen literaturo ? Al vivanta lingvo ĝi estas ja necesa kvazaŭ la koro al vivanta homo. Literaturo estas por ĉiu lingvo la beliga centro, en kiun alfluas la sango por puriĝi kaj poste reflui en ĉiujn partojn de l'vivanta korpo. Lingvo ne povas esti laŭordone nur komerca kaj scienca. Kiel povus iu malpermesi, ke troviĝos iuj homoj por paroli pli arte kaj pli zorge ol aliaj ? En ĉiu homo kaŝiĝas iu deziro al beleco. Jam en prahistoriaj epokoj per pintaj pecoj de ŝtono la homoj provis skulptadi figurajojn sur la maldelikatajn meblojn, kiujn ili tranĉadis por si el la trunko de l'falintaj arboj. De belarto tio estis la humila komenco. Ankaŭ en parolo baldaŭ troviĝis artistoj, kiuj deziris kanti ritmitajn frazojn aŭ diri rakonton en ia pli bela maniero ol.kutime. Kiel estas eble malpermesi, ke talenta homo skribu aŭ parolu en pli eleganta maniero ol lia najbaro, kiu uzas la lingvon nur por vendadi aŭ ordonadi per mallongaj rigidaj frazetoj ? Kiel oni povas malpermesi ke ni, Esperantistoj, ŝatu kanti kune laŭ vortoj amataj?

Ja ĉio ĉi estas literaturo kaj ĉio ĉi okazas en plej natura maniero.

*Ĉu Esperanto estas sentradicia ?*

Ankaŭ oni ne volas kredi je nia literaturo, ĉar oni opinias, ke Esperanto estas tro artefarita kaj sentradicia. Necese estas klarigi, ke tio estas ne vera. Ekzistas en nia lingvo du partoj : la enhavo de l'Unua Libro kaj ĉio cetera.

En la Unua Libro estis donitaj kelkaj centoj da radikoj ja elektitaj de unu homo post longa spertado kaj verkado. Sed ĉu tiuj radikoj estis novaj, arbitraj, sentradiciaj ? Ne, ĉar ili estis elprenitaj inter la plej komunaj vortoj de niaj eŭropaj lingvoj. Tiuj vortoj ne estis subite kreitaj de iu fantaziema fabrikanto, ili estis prenitaj el vivantaj lingvoj kun la tuta forto de sia longa tradicio. Ĉiu el ili havas sian propran historion. Ĉiu el ili estis kreita de iu maljuna popolo kaj baldaŭ ripetita de aliaj. Multaj el ili travivis miljarojn, iom post iom alisoniĝante de la malproksima tempo, kiam ili estis parolataj de la primitiva indo-eŭropa gento ie sur la montplatajoj de Azio.

Arbitraj estis nur la kelkaj gramatikaj finiĝoj almetitaj al tiuj radikoj, kvankam eĉ tiuj finiĝoj ankaŭ estis elprenitaj el naturaj lingvoj. Artefarita estis la fonetika ortografio ; sed de ĉiuj lingvoj la ortografio estis iam artefarita.

*Natura kreskado de la lingvo.*

Ĉirkaŭ tiu-ĉi malgrandega materialo nature kreskadis la tuta lingvo. D-ro Zamenhof kaj la unuaj verkantoj, esprimante siajn sentojn per esperantaj vortoj, kreis ian vivan atmosferon, en kiun la malnovaj indo-eŭropaj radikoj povis alporti la tutan forton de sia longa antaŭa vivado. Per la uzado, iom post iom, tute nature envenis en la lingvon ĉiuj necesaj aliaj radikoj. Ankaŭ per reciproka intermiksado, kunvivado, kunmetado, senĉese pliriĉiĝadis la juna lingvo ; samtempe, kiam ĝi gajnis pli da adeptoj kaj estis ĉiutage pli kaj pli uzata.

*Kiel vivas kaj kiel mortas tradiciaj vortoj.*

En tiu freŝa aero plej bele vivadis la malnovaj indo-eŭro-

paj radikoj, perdinte preskaŭ nenion el sia antikva tradicio. En multaj proponitaj sistemoj tiuj samaj radikoj, kvazaŭ tranĉitaj branĉetoj, fariĝis sekaj ŝtonigitaj mortintoj, ĉar ili ne trovis la necesan vivan trunkon. Restante nur sur paĝoj de fermita libro aŭ kajero ne povas vivadi la vortoj, kiuj estas esence vivantaj estaĵoj kiel bestoj aŭ kreskaĵoj.

Dume, enplantitaj sur vivantan trunketon de juna lingvo, kvazaŭ branĉetoj fortranĉitaj el maljunaj arboj, ili povis plu vivadi, eĉ pli vigle ol antaŭe, kaj baldaŭ ili grandigis la arbeton per mirinde vastiĝanta krono de brila foliaro kaj floraro.

Do, tiuj kelkcentoj da radikoj enportis sian propran vivadon ; ĉio cetera en la lingvo, tio estis la plej granda parto de ĝi, kreiĝis kaj enportiĝis tute nature, same kiel okazas por ĉiu alia vivanta lingvo. Jam eĉ la vortoj de la Universala Vortaro estas radikoj ne elektitaj de D-ro Zamenhof, sed trovitaj en la unuajtempaj verkaĵoj kaj rajtigitaj nur de l'uzado. Ĉu nun oni povas nomi Esperanton artefarita kaj sentradicia ? Ĉu nia lingvo kontraŭe ne estas plej parte vere natura, kaj havas, same kiel ceteraj, sian propran tradicion — kompreneble ankoraŭ tre junan — kaj la respektindan tradicion de siaj fundamentaj radikoj, kiuj travivis centjarojn kaj centjarojn ?

*La lingvo estas ĉie, kie ĝi uziĝas.*

Kio estas lingvo ? Ĉu ĝi kuŝas en la gramatikoj kaj vortaroj ? Ne, tute ne, tie kuŝas nur skeletaj rimarkoj pri ĝi. Ne en la libroj troviĝas la lingvo, sed ĉie, kie ĝi skribiĝas kaj paroliĝas. Tie-ĉi estas la lingvo dum mi parolas, hodiaŭ matene dum ni diskutadis, hieraŭ vespere en la deklamado, ĉiutage en niaj konversacioj, en niaj leteroj, en niaj gazetoj, ĉie, kie sonas Esperanto, ĉie, kie fluas Esperantaj frazoj, ĉu de lipoj al oreloj, ĉu de plumo al okuloj, tie estas nia lingvo, tie ĝi vivas. La lingvo estas ĉie, kie ĝi estas uzata.

*Kial sukcesis Esperanto.*

Ke D-ro Zamenhof, nia iniciatinta genio, perfekte komprenis kie estas lingvo kaj kiel ĝi vivas, al tio ni ŝuldas la mirindan realiĝon de lia nobla revo. Li komprenis, ke nur kiel eble plej malmulte da materialo li devas doni por ke la uzado mem kreu la frazojn, la esprimojn, unuvorte ĉion, kio faras la lingvon.

*La lingvon faras ne la vortoj sed la grupoj da vortoj.*

Efektive, nek en la vortaro, nek en la gramatiko estas la lingvo, sed en la frazoj, en la grupoj da vortoj, kiuj esprimas penson. Por esprimi siajn sentojn nia Majstro, kaj poste pli kaj pli multaj novaj adeptoj faris esperantajn frazojn. Iom post iom dum la Esperantista popolo kreskis, formiĝis esperantaj esprimoj. Kiel por ĉiu alia lingvo, kelkaj vortoj kutimiĝis kune troviĝi kaj grupe akiris specialan komunan forton. Tiaj vortoj, kiuj en soleco restus malklaraj aŭ malvarmaj, per kuntuŝado kaj kunuzado kun aliaj, baldaŭ ekbrilis je neatendita lumo. La vera unuo en ĉiu lingvo estas la frazo, la grupo da vortoj, kiu elvokas en la cerbo de aliaj homoj ian precizan ideon aŭ rememoron pri ia preciza fakto.

*Kiel kreiĝas esprimoj.*

Se vi prenas, ekzemple, la vorton *nia* el *ni* kaj *a*, adjektiva finiĝo, la vorton *sankta* kaj la vorton *afero*, ĉu tiuj tri vortoj, konsiderataj ĉiu aparte, ne estas sekaj, malvarmaj, neprecizaj ? Sed se vi diras *nia sankta afero*, ĉu tio estas simple la kunmetado de la tri vortoj kaj la aldonado de iliaj sencoj unu al alia, aŭ ĉu ne, kontraŭe, ĝi formas unu novan nedivideblan plej fortan esprimon ? Ĉu, kvankam ĝia laŭvorta traduko signifus malmulte, aŭ eĉ estus ridinda, ĉu tiu esprimo por vi ne estas plej preciza kaj klara ? Ĉu ĝi ne elvokas en viaj animoj ne nur ideon, ne nur senton, ne nur impreson, sed eĉ fortan emocion, plenigante vian koron per ĉiuspecaj rememoroj pri la batalado por nia sankta afero ? Ĉu tiu trivorta esprimo ne estas por vi kvazaŭ boranta radio de lumo, kiu, neatendite, vin penetras plej profunde ? Ĉu tiu nelonga frazeto ne entenas eble grandan parton de via tuta vivo, dum similaj tri vortoj en alia lingvo signifus eble nenion ?

*La forteco de grupiĝintaj vortoj.*

Ĉu tia malgranda ekzemplo ne bone montras kiom da viva forto estas en unu esprimo, ĉu ĝi ne helpas kompreni, ke la unuo en ĉiu lingvo estas la grupo da vortoj, kiu en si entenas tiun mirindan povon vibrigi misteran ion en la interno de l'aŭdantaj homoj, same kiel potenca sonorilo, dissendante sian sonan vibradon tra l'kvieta aero, tremigas la kordojn de kaŝita violono enfermita en ĝia ĉerkoŝajna skatolo ?

Unu la alian la vortoj sin helpis kaj, grupiĝante, kreis forton el malforto ; kaj tien, kie restis ia sentebla malplena loko en ia grupeto, baldaŭ envenis nova necesa vorto pro tute natura alvoko de l'aliaj, dum ĝi povus jarojn kaj jarojn atendadi kaj la pordon neniam enpasi se tute sola en arbitra vortaro ĝi estus proponita de iu vortfabrikisto. Jes, grupe, kaj nur grupe, vivas la vortoj same kiel vivantaj estaĵoj.

*La uzado kreas unuecon.*

La uzado estas la sola bona vortaro, ĉe kiu, el ĉiuj landoj, oni povas lerni la akuratan sencon de vorto sen traduko kaj sen ia aŭtoritata decido. Saĝa lingva komitato aŭ bona vortaristo konsideras kiel plej altan sian taskon konscience raporti pri l'uzado por helpadi la ceterajn homojn. Ni ĉiam bone memoru, ke *la unuecon de la lingvo konservas nur la uzado.*

*La estonto de nia literaturo.*

Ankoraŭ tre malvasta kompreneble estas nia juna originala literaturo. Nur kelkajn dekojn da verkistoj hieraŭ ni havis, sed montriĝas novaj talentoj pli kaj pli ofte. Grandan taskon, tre altan rolon iam havos nia literaturo, kiam ĝi pli kaj pli fariĝos la literaturo de l'homaro. Flanke de la nacilingvaj literaturoj, kiuj ĉiam restos pli karaj kaj pli proksimaj al la koro de l'homoj, Esperanto havos pli kaj pli sian propran ne jam okupitan lokon. Kiel ĝi faris ĝis nun, nenion detruante, sed ĉiam nur konstruante, ĝi povos eble doni al ni veran homan literaturon. Estas ĉie rimarkeble, ke la nacilingvaj literaturoj fariĝas pli kaj pli gentaj aŭ regionaj. La verkistoj klopodas esprimi en sia lingvo la manieron, laŭ kiu sentas kaj agas iliaj sampatrujanoj. Same niaj Esperantaj aŭtoroj plej multe klopodis unue priparoli nian esperantistan vivadon, priskribi niajn samideanajn rilatojn, unuvorte esprimi la spiriton de nia nova juna popolo. Plej ŝatata nun arto estas ĉie tiu delikata studado de sentoj kaj impresoj propraj je unu speciala gento aŭ regiono.

Do, nenies lokon prenos Esperanto provante esprimi la sentojn, la amon, la suferon, la ĝojon, ne de franco, ne de bulgaro, aŭ svedo, sed de *homo* antaŭ la faktoj de l'vivo.

Ĉu vere ekzistas pure homaj sentoj same komunaj al la anoj de diversaj nacioj, tion povos studadi kaj ilustradi la estonta Esperanta literaturo (1).

Ed. PRIVAT.

---

(1) Tiu parolado, prezentita ĉi tie nur *parte*, baldaŭ aperos komplete ĉe Hachette et Ko (Parizo) en formo de broŝuro.

---

En venontaj Noj ni komencos la publikigon de artikoloj pri la demando de la Internacia Organizo de la Esperantistoj kaj ĝia rilato al U. E. A.

SOCIA VIVO

KONGRESOJ & FESTOJ

## Gentoj kaj lingvo internacia (1)

II

Kio do estas la vera kaŭzo de la intergenta diseco kaj malamo? El ĉio, kion mi supre montris, oni povas jam vidi, ke, malgraŭ ĉiaj kvazaŭ-sciencaj teorioj pri rasaj apartajoj, klimatoj, hereda sango, k. t. p., la veraj muroj inter la gentoj, la vera kaŭzo de ĉia intergenta malamo estas nur la malsameco de la lingvoj kaj religioj. Precipe la lingvo havas tian grandegan kaj preskaŭ ekskluzivan rolon en la diferencado de la gentoj, ke en kelkaj lingvoj la vortoj « lingvo » kaj « gento » estas plenaj sinonimoj. Se du homoj parolas la saman lingvon, sen reciproka humiligo, kun egalaj rajtoj pri tiu lingvo, kaj dank'al ĝi ili ne sole reciproke sin komprenas, sed havas la saman literaturon (buŝan aŭ skriban), la saman edukon, la samajn idealojn, la saman homan dignon kaj rajtojn; se ili krom tio havas la saman « Dion » la samajn festojn, la samajn morojn, la samajn tradiciojn, la saman vivarangon: tiam ili sentas sin tute frataj unu rilate al la alia, tiam ili sentas, ke ili apartenas al unu gento. Se du homoj reciproke sin ne komprenas, se ĉiu el ili krom tio havas tute aliajn morojn kaj vivaranĝojn, tiam ili rigardas sin kiel fremdulojn, kiel mutulojn, barbarojn, instinkte evitas sin reciproke kaj reciproke al si malkonfidas, kiel oni instinkte malkonfidas al ĉio, kio kaŝiĝas por ni en mallumo. Estas vero, ke multaj el ni povas interkompreniĝi kun aligentanoj, kaj tio estas la kaŭzo, ke en la plej kleraj klasoj la intergentaj muroj estas malpli dikaj; estas vero, ke multaj el ni konas kaj juste taksas la esencon de fremdaj religioj, kaj tio estas la kaŭzo, ke homoj vere pensantaj neniam malamas aligentanon pro la alieco de lia religio; sed por ke reciproka sinkomprenado efektive interligu du homojn, estas necese, ke pri la parolata lingvo ambaŭ sentu sin *egalrajtaj*; por ke la religio ne prezentu muron inter du homoj, estas necese, ke ili ambaŭ ne sole estu reciproke toleremaj en principoj de interna *kredo*, kiu ĉe inteligentaj homoj estas afero individua kaj ne dependas de la gento, sed ke ankaŭ diversaj *eksteraj* religiaj vivaranĝoj ilin ne disigu.

Ĉio supre dirita alkondukas nin al la sekvanta konkludo *principa: La intergenta diseco kaj malamo plene malaperos en la homaro nur kiam la tuta homaro havos unu lingvon kaj unu religion*; ĉar tiam la tuta homaro en efektiveco prezentos nur unu genton. Daŭros tiam en la homaro tiuj diversaj malpacoj, kiuj regas interne de ĉiu lando kaj gento, kiel ekzemple malpacoj politikaj, partiaj, ekonomiaj, klasaj, k. t. p.; sed la plej terura el ĉiuj malpacoj, la malamo *intergenta*, tute malaperos.

*Principe* ĉiu amanto de la homaro sekve devas celi al tio, ke la tuta homaro havu unu lingvon kaj unu religion. Sed ĉu *praktike* tio estas necesa? Ne! Malfeliĉiga por la homaro estas ne la *ekzistado* de la gentoj, sed ilia ĝis nun tute neevitebla reciproka *altrudiĝado*. Ĉiufoje, kiam mi volas interrilati kun aligentano, estas nepre necese, ke aŭ mi altrudu al li mian lingvon, kaj morojn aŭ li altrudu al mi siajn. Kiam malaperos tiu bedaŭrinda *neceseco de altrudado*, tiam malaperos la intergenta malamo. Tute same, kiel por interna paco en ia lando ne estas necese, ke la familioj kun siaj familiaj moroj kaj tradicioj malaperu, sed estas nur necese, ke ili ne bezonu altrudi siajn familiajn apartaĵojn al aliaj familioj kaj ke por ĉiuj *eksterfamiliaj* aferoj ekzistu leĝoj kaj moroj neŭtrale-landaj, tiel same por la paco de la homaro ne estas necese, ke la gentoj nepre malaperu, sed estas nur necese, ke ili trovu tian « modus vivendi » kiu permesus al ili forigi siajn eksterajn pikilojn kaj ne altrudi al si reciproke siajn gentajn apartaĵojn. Estas necese, ke la homaro aranĝu sian vivon tiamaniere ke: *konservante sian gentan lingvon kaj gentan religion en la interna vivo de sia lingva aŭ religia grupo, la homoj por ĉiuj rilatoj intergentaj uzu lingvon neŭtrale-homan kaj vivu laŭ etiko, moroj kaj vivaranĝoj neŭtrale-homaj.*

Kiamaniere oni povas tion atingi pri aferoj *religiaj*, pri tio mi nun ne parolos, ĉar: 1) tio ne estas la temo de mia memuaro kaj postulas priparolon tute specialan kaj vastan; 2) ĉar la religio ne estas io *nature* genta, sed dependas de la volo de la homoj kaj prezentas parton de la homa civilizacio, tial la religia unuiĝo de la popoloj jam de longe komenciĝis per si mem, kaj ĝin malhelpas nur cirkonstancoj tute *flankaj* kiuj baldaŭ pasos: kiam unuflanke en ĉiuj landoj malaperos la privilegiiteco de tiu aŭ alia religio kaj sekve ĉiu povos ŝanĝi sian denaskiĝan religion sen perfido kontraŭ siaj sufe-rantaj samgentanoj, kaj kiam duaflanke ekzistos religio, kies dogmojn ĉiu homo povos akcepti sen malhonesteco kontraŭ sia konscienco, tiam tre rapide la tuta homaro aranĝos sian religian vivon en egala maniero.

Cetere la unuiĝo religia estas forte ligita kun la unuiĝo lingva. Estas afero tute senduba, ke ju pli la homoj komunikiĝados sur neŭtrale lingva fundamento, ju pli per tiu egalrajta kaj sengenta lingvo ilia literaturo, ideoj kaj idealoj unuiĝos, des pli rapide ili ankaŭ en rilato religia interasimiliĝos. La tuta problemo de la unuiĝo de la homaro kaj de la malapero de intergenta malamo koncentriĝas sekve en *unu* afero, en unu *sola* afero; kaj tiun ĉi aferon mi plej insiste rekomendas al via atento, vi, kiuj kunvenis, por pripensi la problemon de amikeco kaj justeco inter la gentoj kaj la rasoj. Tiu afero estas: *por ĉiuj rilatoj intergentaj oni devas uzi lingvon neŭtralan, por ĉiu facile akireblan, al ĉiu egalrajte apartenantan.* Al ĉiu, kiu ne volas paroli kun ni en *nia* lingvo, ni parolu en lingvo *neŭtrala*, kaj tiam malaperos la ĉefa kaŭzo de intergenta malamo kaj humiligo; ĉiu gento, kiu ne volas humiligite akcepti kulturon en lingvo de siaj malamikoj aŭ de fieraj najbaroj, havu la eblon akcepti ĝin en nehumiliga lingvo neŭtrale-homa — kaj tiam baldaŭ ne ekzistos plu gentoj senkulturaj.

Ĉu tia neŭtrala lingvo *povas* ekzisti? Jes, ĉar ĝi jam de longe *ekzistas*, bonege funkcias, havas grandegan multon da uzantoj kaj riĉan, potence kreskantan literaturon. Tiu lingvo, kiu havas neniun materialan aŭ moralan mastron, sed estas plene libera kaj egalrajta apartenaĵo de ĉiuj siaj uzantoj kaj postulas de ili nur, ke apartaj ambiciaj personoj ne rompu kaj ne ŝanĝu ĝin sen komuna interkonsento, — tiu lingvo ne sole ekzistas kaj bonege funkcias, sed ĝi ankaŭ jam perfekte plenumas tiun rolon, pri kiu me supre parolis, t. e. la rolon de interhoma fratiganto kaj de foriganto de ĉiuj muroj kaj malamo inter la gentoj. Kiu volas konvinkiĝi pri tio, kiel bonege tiu lingvo povas esti uzata egale de ĉiuj rasoj; kiu volas konvinkiĝi pri tio, kian grandegan gentunuigan forton posedas tiu neŭtrala, al ĉiuj egale apartenanta lingvo; tiu ne agu kiel tiuj scienculoj, kiuj post kelkjara bonega funkciado de fervojo verkis grandajn traktatojn pri neebleco de fervojo; li ne diskutu teorie, ne babilu pseŭdo-sciencajn frazojn pri rasaj apartaĵoj, sed li vizitu unu el la ĉiujaraj universalaj kongresoj de esperantistoj; li vidos tie la perfektan harmonion inter la gentoj; li vidos per siaj propraj okuloj kaj aŭdos per siaj propraj oreloj, kiel la interrilatado sur neŭtrala, neniun humiliganta fundamento absolute forigas kaj forgesigas ĉiujn barojn kaj fremdecon inter la gentoj, — kaj tiam li komprenos, kion la homaro bezonas, por atingi fine pacon inter la gentoj.

Tion, kion la homaro bezonas, ni ne devas nun plie deziri,

(1) Sekvo de la memuaro de D-ro Zamenhof al la Unua Universala Rasa kongreso.

ni ne devas kun granda malfacileco kaj duba rezultato provi ĝian kreadon — ĉar ĝi jam ekzistas, kiel senduba, plene palpebla fakto. Ni devas nur *subteni* ĝin.

Neniaj kompromisaj paliativoj, neniaj sagacaj politikaj kontraktoj donos pacon al la homaro. Sed ju pli la esperantismo fortiĝos en la mondo, ju pli ofte la homoj el diversaj gentoj kunvenados kaj interrilatados sur neŭtrala fundamento, des pli ili kutimos sin kompreni kaj ami, des pli ili sentos, ke ili ĉiuj havas egalajn korojn, egalajn mensojn, egalajn idealojn, egalajn suferojn kaj dolorojn, ke ĉia intergenta malamo estas nur restaĵo el la tempoj barbaraj. El tiu neŭtrala fundamento, kaj *nur* el tiu fundamento, iom post iom elkreskos tiu estonta unuigita kaj pure homa homaro, pri kiu revis la profetoj de ĉiuj gentoj kaj tempoj.

Se vi, membroj de la Kongreso de Rasoj, volas, ke viaj laboroj donu realajn fruktojn, vi scios, kion vi devas fari.

D-ro L. L. Zamenhof.

GEOGRAFIO

## Al norda poluso

Jam en pratempo la homa penso estis intense logata de ĉirkaŭpolusa misterpejzaĝo. Ankaŭ en malnovaj ĝis nun konservitaj surskribaĵoj oni povas ekscii, kiel ĝin rigardas iama homo. Jam Ĥaldeoj (1) konjektis, ke tero estas globforma kaj ke ĝi naĝas sur atlantika oceano, kiel renversita boato. Ĉirkaŭ tiu ĉi terglobo kaj mondoceano turniĝis ĉielo dividita je kelkaj sferoj. Kaj kiel ĉielo havis sian poluson, ĉirkaŭ kiu stelaro rondiris, tiel simile estis aljuĝita poluso al terglobo. Sed ĝi ne estis nur tia matematika abstrakta punkto, kiel ni ĝin rigardas, sed laŭ tiuj opinioj ĝi estis alta monto kiu elstaris forkforme per du suproj, tuŝis firmamenton kaj kunigis ĉielon kun tero. Monto estiŝ nomata « Rallu » kaj ĝia montkalkano estis eniro al internaj kavernoj de tero ; ĝi estis pordego de morto, al ĝi migris mistikaj herooj por viziti siajn antaŭulojn en mortlando. Sed kiam epoko progresanta forigis babilonajn diojn, malaperis ankaŭ tiu opinio. La Sudnacioj paŝon post paŝo sukcesis solvi tiun misteran problemon de nordpoluso, elsendante spertajn homojn, komence komercistojn, poste ankaŭ scienculojn. Tiel entreprenis la fama astronomo kaj geografo Pitheas el Massilia (nuntempa franca Marseille) dum jaro 330 antaŭ Kristo esploran vojaĝon al nordo, ŝipveturante ĝis malantaŭ Anglujon kaj alirante ĝis Ŝhetlenda insularo. Celo de lia vojaĝo estis, rigardi sia-okule, kiel terpoluso konstante pli alten supreniĝas, se oni pli norden marŝas. Tiu ĉi unua poluson esploranto ne sukcesis transiri Ŝhetlendan insularon kaj eniĝi pli norden, ĉar laŭ raporto de lin kondukantaj Keltoj, komencis post kelktaga vojaĝo « Morimarus », senviva maro, speciala formacio, kiu estis nek tero, nek akvo, nek aero, sed kunmiksaĵo de ĉiuj tiuj ĉi elementoj, sur kiu estis eble nek iri, nek ŝipveturi.

Tutan jarcenton estis tiuj ĉi malproksimaj misterakvoj kvazaŭ perditaj por kultura mondo, ĝis en sepa kaj oka jarcentoj kuraĝis en nekonatajn landojn ekskursi Normanoj, kiuj aperigis Islandon, Grenladon kaj marborbon de Nordameriko. Pli norde ne estis laŭdire enloĝitaj kontinentoj, nur glacio kaj nokto tie regis. Kaj tie sur mondfino estis videbla terura akvoturniĝo, el kiu venadis maralfluo kaj forfluo. Oni fabelis, ke cirkaŭ nordpoluso vivas senmezuraj bestaĉoj kaj kiel ĉiuj mitologioj certigis, estis tie lando de malvivuloj. Kaj ĉiam ankoraŭ oni kredis, ke troviĝas tie senviva maro, kiel pri ĝi rakontis Pitheas.

Por vidi tiujn neordinarajn aĵojn kelkaj nobeloj frislandaj entreprenis ĉirkaŭ jaro 1040 efektive unuan esploriron celantan nordpoluson, ĉar aliris norden ĝis Islando « traveturante maron gis plej malantaŭa fino de mondo ». Sed estis ili aldevigitaj al reveno pro uragano kaj mallume densa nebulo.

(1) Loĝantoj en Babilonujo post jaro 4.000 antaŭ Kristo.

Post tio pasis kelke da jarcentoj, kiam homoj interesiĝis pri la suda parto de terglobo. Vasko de Gama velŝipe ĉirkaŭnagis Afrikon, kaj trovis vojon en Indlandon ; Kolumbo malkovris « Novan Mondon », Magelhaens traveturis laŭlarĝe Grandan Oceanon, kaj la ŝipo unuafoje ĉirkaŭnaĝis mondon. Spico kaj oro venadis el fremdaj landoj. Hispanujo kaj Portugalujo tenis komercon en siaj manoj. En tiu tempo ekaperas sopiro trovi novajn vojojn al Indlando kaj Ĥinlando, oni serĉas ilin je nordo en Ameriko kaj Azio. Ŝipoj penetras en glacimaro orienten kaj okcidenten ĝis glacimontoj ilin frostigas kaj devigas al reveno. Dum tiu ĉi serĉado de novaj vojoj en okcidenta kaj orienta direktoj famiĝis Frobisher, Gilbert, Davis, Hudson, Baffin, Barents. Ili ne trovis, kion ili serĉis, sed malplena spaco sur geografiaj kartoj ricevas konturojn, golfojn, insulojn. Kiam je komenco de XVII jarcento oni forlasis pluajn eksperimentojn, estis malkovritaj oriente Spicberginsularo, kaj okcidente ŝipeniro en Smithsundon, posta pordego al norpoluso. Sed ĉiam ankoraŭ ne estis konate, ĉu Ameriko kaj Azio estas terkunigitaj norde, aŭ ĉu ili estas disigitaj per markolo. Imperiestro Petro la Granda elsendis Beringon, por ke li fine solvu tiun problemon. Sed Bering ne estis feliĉa ; lia ŝipo disrompiĝis kaj li mem mortis, ne plenuminte la taskon ricevitan. Nur en jaro 1778 vaporŝipe traveturis James Cook inter ambaŭ kontinentoj, kaj nomis kanalon kiu disigas ilin, « Vojo de Bering ». Tio estis certe signifa akiro geologia. Rondo de konata kontinento ĉiam mallarĝiĝadis pli malvaste ĉirkaŭ la nordpoluso, sed malproksimo al ĝi daŭre etendiĝis je 10 gradoj. Pluan informon oni ricevis nur, kiam la balenĉasistoj iam estis forpelitaj al nordo. Fine alvenis jarcento XIX^a, tiel dotita je esploroj sciencaj kaj teknikaj. Tiam fariĝis traesploro de poluslando kaj atingo de nordpoluso demando pure scienca. Iniciatis tion John Barrow en Anglujo ; milionojn da mono kaj milojn da homaj vivoj oferas Anglujo, Skandinavio, Nordameriko kaj ĉiuj kulturaj nacioj je ekspedicioj al norda poluso.

Unu el brilaj tagoj estis 24^a da Aprilo 1880. Tiutempe « Vega » revenis kun Nordenskiœld en kanalon de Ŝtokholm, akompanata de 200 vaporŝipoj kaj salutata per pafado de kanonoj. Nordenskiœld trapenetris tra la glacimontoj Nordmaron ĉirkaŭ Siberio kaj markolo de Bering en Grandan oceanon kaj Ĥinlandon, Japanujon kaj Indlandon. Tiel estis konstatita vojo al nordoriento. Ankaŭ vojon al nordokcidento malkovris niatempe Amundsen. Sed la ĉefa tasko estis nun almiliti la nordan poluson. En jaro 1872 ŝipveturas aŭstria polusŝipo « Tegetthoff » kondukita de Weyprecht kaj Payer for de Ŝpicberginsularo. Ĝi estis tuj ĉirkaŭita de glacio, kaj maristoj fariĝis kaptitoj de glaciaj pecegoj, kiuj ilin fornaĝigis al grupo de insuloj titolitaj : « Lando de imperiestro Francisko Jozefo ». Sep jarojn poste la amerika ŝipo « Ianette » penas atingi nordan poluson tra la kanalo Bering, sed ĝi estis disrompita de glacio, la garnizono sin savis per boatoj en enfluon de rivero Lena. La ŝipruino estis de marfluo pluen pelata ĝis pereis sur norda marbordo de Grenlando. El tio Nansen konkludis, ke de norda Azio iras marfluo trans la norda poluso al Grenlando. Do li ekintencis fordoni sin al tiu marfluo. Li konstruigis sian vaporŝipon « Fram » kaj intencis ĝin lasi englaciiĝi ; li esperis, ke tiamaniere li atingos nordpoluson. Sed la marfluo ne portis lin norden. Do Nansen forlasis la ŝipon, kaj glitveturile provis aliri ĝin. Li superas ĉiujn siajn antaŭulojn, atiginte norde de « Lando de imper. Fr. Jozefo » 86° 14' de nordlarĝo.

Kvin jarojn poste entreprenas esploron en tiuj ĉi akvoj duko de Abruzzi, kaj norde de Ŝpicberginsularo kapitano Cagni atingis 80° 33' de nordlarĝo. Tio okazis la 25^an de Aprilo 1900. Pli fervoraj estis en « Nova mondo ». De komenco de XIX jarcento Angloj esploras nordorientan marbordon de Ameriko kaj aperigas insulojn norde de Kanada. Multe da ekspedicioj estis faritaj, el kiuj plej distinginda

estas tiu en jaro 1845 de John Franklin; sur ŝipoj, « Erebus » kaj « Terror » trapenetras 120 viroj norden, sed tuta ekspedicio malaperis. Per posta esplorado estis konstatite, ke ĉiuj pereis pro malsato kaj malsano. Por serĉi kaj savi Franklinon estis elsenditaj multaj ekspedicioj. Nur Anglujo dediĉis al tiu celo 9 milionojn da Sm. kiuj ĉefe riĉigis nian scion pri tiuj kontinentoj.

En scienca mondo restis dum tio la opinio, ke kontinento de Grenlando ne etendiĝas tiel malproksime norden, sed ke ĝi baldaŭ finiĝas kaj ke tie, estas denove maro, periode ŝipirebla kaj ke per tiu ĉi maro estos eble atingi nordpoluson. Oni do komencis esplori marbordon de Grenlando. Je nordo de markolo de Baffin estis konataj tri kanaloj : Lankanstersundo kaj Johnessundo al okcidento, kaj Smithsundo al nordo. Tiu ĉi fariĝis celo de observado, ĉar oni konkludis, ke ĝiahelpe oni povas aliri vastan maron polusan.

50 jarojn interbatalis tie esplorantoj kun frosto kaj malsato pliriĉiginte geologion, sed vojo al norda poluso ĝi ne estis. La unua estis amerika kuracisto D-ro Kane, kiu volis trovi restaĵon de polusa ekspedicio de Franklin. Li travivis multe da suferoj, penetris tra la « Sundo » iom al nordo kaj konjektis, ke en malproksimo li vidas vastan maron maron polusan. Li mortis pro senfortiĝo, Post li elŝipiris lia kamarado Isaac J. Hyes, ankaŭ kuracisto. Ankaŭ li konjektis, ke li ekvidis en malproksimo poluson. Post ili sekvis Halle, kaj tiu konstatis, ke Smithsundo sur unu fino larĝe disiĝas, sed ke poste denove mallarĝiĝas kaj transiras en Kennedysundon. Vojo tra tiu ĉi « sundo » estis akompanata kun tre grandaj suferoj. Sed kun amerikanoj eniĝadis tien je certa tempo ankaŭ Angloj kaj el ili Markham atingis jam en jaro 1876 plej nordan punkton tiutempe alireblan, t. e. 83° 20' kaj tiu ĉi punkto kuŝas efektive jam en vasta maro, ĉar Konnedysundo transiras en Robesoukanalon kaj tiu enfluas en vastan maron, ĉar marbordo de Grenlando kaj marbordo maldekstre kuŝanta deflankiĝas okcidenten. Sed polusan maron ne estis eble ŝipiri. Okazadis do eksperimentoj eniĝi de tie al norda poluso glitveturile. Oni aliris ĝin tre malrapide. En jaro 1882 leŭtenanto Lockwoods, Amerikano enpikis flagon sur la nordo de Grenlando je 83° 24'. En jaro 1906 senlaca Peary penetris ĝis 87° 6'. Dum tio okazadis eksperimentoj eniĝi al norda poluso areostate. Malfeliĉa Andrée oferis sian vivon kaj ĝisnun neniu scias, kie liaj ostoj eterne ripozadas.

Peary, kiu longan tempon vivis kaj laboris en pluaj nordaj kontinentoj, daŭris argumenti, ke estas eble aliri nordan poluson per helpo de Eskimoj kaj iliaj hundoj. Kaj tiel okazis.

Baldaŭ post tio alvenis informo de Peary, ke 9an de Aprilo 1909 li enpikis sur la norda poluso usonan flagon.

La sopiro kaj revo de centoj kaj miloj estis realigita.

K. Jién kaj E. Šnicar (Č. Budejovice).

IDEOJ & FAKTOJ

## Pri la Monda Petskribo por la Paco

*(Respondo al F-ino A. B. Eckstein)*

Estas do nedisputebla vero, ke nur tiuj batalrimedoj kontraŭ kiu ajn malbono efektive estas efikaj, kiuj trafas ĝian kaŭzon mem. Nin interesas milito. Mi rememorigas al F-ino E. la pensojn de P. J. Proudhon esprimatajn en lia verko *Milito kaj paco*. En tiu verko, al ĉiu volanta kompreni la militon li rekomendas sin turni al la psikologio de l'homo. Laŭ tiu filozofo la fonto de ĉiuj ekscesoj de milito estas l'animo persekutanta malveran idealon, riĉecon, l'animo ne konanta la justecon en ĝia apliko je la aferoj de l'laboro, je industrio kaj interŝanĝo.

« Ĝi (milito) estas la ido de l'paŭperismo kaj l'avideco estis staranta ĉe ĝia lulilo, la krimo estas ĝia frato », certigas Proudhon.

Kiu akceptas tiujn pensojn, tiu verŝajne akceptos la jenan (de la sama pensulo) : « Por realigi la regon de l'Paco estas necese, ke ni (por uzi la esprimon de l'antaŭulo de la Evangelio) komencu aliigi nian spiriton ».

Mi plene akceptas tion. Tial kvankam mi citis en n° 101 la vortojn de S-ro Bethmann-Hollweg *nur* dezirante rememorigi pri tio, kiun opinion pri la realigebleco de la interkonsento de ĉiuj regnoj pri la demandoj nin intersantaj havas la ĉefmembro de l'Germana registaro (ĉar tiu opinio sendube estas l'opinio de la plimulto da reprezentantoj de aliaj registaroj), tamen mi ankaŭ akceptas, ke tiel longe dum homoj estas tiaj homoj, kiaj ni ilin ĝis nun konis, kaj ŝtatoj -ŝtatoj, tiuj demandoj estas nesolveblaj.

Sed mi kredas, ke nuntempa homo, lia spirito, estas evoluciebla ; tiel same mi kredas, ke la nuna organiz-formo de l'homa societo — « la ŝtato » (do vere ne estante ideala organizo !) estos iam anstataŭigota per io plibona.

Per la Petskribo por la Paco F-ino E. volas « aliformigi la ankoraŭ multe ekzistantan indiferentecon kaj la dubojn pri la grandaj problemoj de nia tempo en seriozan kaj viglan intereson » — — — !

Laŭ mia opinio la metodoj celantaj aliformigi l'indiferentecon je la grandaj problemoj de nia tempo en seriozan kaj viglan intereson per aligo de la popolamasoj al tia aŭ simila speco de l'agado (se tion oni povas nomi « agado » ?) jam tial ne povas atingi sian celon, ĉar tia agado efikas sur la plimulto de tiumaniere agantaj ekdormigante : oni subskribas kaj, kredante ke oni plenumis por iom da tempo sian devon, dormas ĝis la momento venas, kiam oni estas denove invitata subskribi ion, ktp. Tiel oni *ne* edukas firman volon. Tiel oni *ne* edukas la popolamasojn je la memstareco, tute male — oni kutimigas ili ĉiam atendi helpon de iliaj kuratoroj.

« Sed, gesinjoroj kritikantoj, mi deziras demandi, kiom da laboro do *vi* faris, por ke plenumiĝu ĉio, kion vi atendis ? » demandas F-ino E. defendante la agadon de la du unuaj Haagaj pac-konferencoj.

El ĉio jam de mi esprimita estas evidente, ke mi persone nenion atendis de la unua, nek de la dua kaj nenion atendas de la tria aŭ de la deka Haaga pac-konferenco, F-ino Eckstein ! Tial mi tute ne partoprenis kaj ne intencas partopreni en « la preparado de l'programoj » de ili.

Tamen estas konsciafero de ĉiu kritikanto, ĉu li nur kritikas la agadon de aliaj pacideanoj aŭ ĉu li ankaŭ mem laboras por la Paco laŭ sia konvinko. Mi estas konvinkita, por kiu « la idealo ne estas frandaĵo, sed pano ĉiutagnecesa » (vortoj de Paul de Lagarde), tiu ne nur kritikas, sed ankaŭ mem laboras diligente kaj konkrete.

Por la fino estu al mi permesate rekomendi al F-ino E. tralegi (se ŝi ne legis jam) la Raporton de (ankaŭ « klere kaj fundamente pensinta » kaj « eminenta » viro) Leo N. Tolstoj kiun li skribis por la Kongreso de Paco en Stockholm.

Jen nur kelkaj vortoj el tiu raporto : « Ni scias, ke ekzistado de registaroj kondiĉiĝas per militistaroj. Kaj ni, homoj dezirantaj la malaperigon de milito, trovas nenion pli konformcelan por tiu ĉi malaperigo, ol tio, proponi (al kiu do ?) al registaroj, ekzistantaj nur per militistaro, do per milito — tiajn rimedojn, kiaj malaperigus militon t. e. ni proponas al registaroj mem ilian malaperiĝon. » « Sed nia Petskribo tute ne parolas pri la forigo de la militistaro » diras en sia artikolo F-ino E. Sed havi la militistaron signifas havi la eblecon militadi, F-ino Eckstein ! Kaj tio sufiĉas. En ĉiu okazo mi deziras al la entrepreno de F-ino E. plenan sukceson, precipe ĉar en la sukcesokazo ni, skeptikuloj, ekvidos, ke la grandaj problemoj estas multe pli facile solveblaj, ol ni ĝis nun kredis. Tiam ni povus per alia monda petskribo provi solvi alian gravan problemon, ekzemple... Do ni ne ŝercu !

D. Jwansky (1).

(1) Nun kiam niaj legantoj aŭdis dufoje la opiniojn de la kontraŭuloj, ni konsideras la diskutadon fermita. (Red.).

# LITERATURA PAĜO

FELIETONO

# La Suferoj de juna Werther

de W. v. GŒTHE

Trad. P. USINGER

DUA LIBRO

La 20-an de oktobro 1771.

Hieraŭ ni alvenis tien ĉi. La ambasadoro estas malsaneta kaj do restos kelkajn tagojn hejme. Se nur li ne estus tiel malafabla, ĉio estus bona. Mi rimarkas, mi rimarkas, ke la sorto destinis al mi malfacilajn provojn. Tamen mi estu espera! Facila animo portas ĉion! Facila animo? Tio igas min ridi, kiam la vorto venas en mian plumon. Ho iom pli facila sango farus min la plej feliĉa homo sub la suno! Kio! kie aliaj fanfaronas siajn malmultajn forton kaj talenton antaŭ mi en agrabla memfido, tie mi malesperas je mia forto, je miaj talentoj? Bona Dio, kiu donacis al mi ĉi ĉion, kial vi ne retenis la duonon kaj donis al mi memfidon kaj moderecon?

Paciencon! Paciencon! Pliboniĝos. Ĉar mi diras al vi, karulo, vi estas prava. De kiam mi ĉiutage estas peladata inter la popolo kaj vidas, kion ili faras, kiel ili agas, mi estas pli kontenta pri mi mem. Certe, tial ke ni ja estas faritaj tiaj, ke ni komparas ĉion kun ni kaj nin kun ĉio, enestas feliĉo aŭ mizero en la aĵoj, kun kiuj ni komparas nin, kaj jen nenio pli danĝera ol la soleco. Nia fantazio, devigita de la naturo sin levi, nutrita per la fantaziaj bildoj de la poezio, konstruas al si serion da estaĵoj, je kiu ni estas la plej malsupra kaj ĉio alia vidiĝas pli brilanta, estas pli perfekta. Kaj tio estas tute laŭ natura. Ni tiel ofte sentas, ke multo mankas nin, kaj precize kio mankas nin, alia ofte ŝajnas posedi, al kiu ni aldonas ankaŭ ĉion, kion havas ni kaj plie ankoraŭ ian idealan agrablecon. Jen la feliĉulo estas kompleta, la kreitaĵo de ni mem.

Kontraŭe, se ni daŭrigas la laboradon kun ĉiu nia malforteco kaj penado, ni tre ofte trovas, ke ni sukcesas pli bone per nia trenado kaj hezitado, ol aliaj per siaj veloj kaj remiloj — kaj — tio do estas vera sentado de si mem, se oni egalas aŭ eĉ antaŭkuras aliajn.

La 26-an de novembro 1771.

Mi komencas troviĝi sufiĉe bone tie ĉi. Plej bone estas, ke estas sufiĉe da farotaĵo; kaj plie la diversspecaj homoj, la novaj formoj naskas multkoloran spektaklon antaŭ mia animo. Mi koniĝis kun la grafo C..., viro, kiun ĉiun tagon mi devas pli multe adori, grandan eminentulon, kaj kiu estas trankvileca, tial ke li super-rigardas multon; de kies rilatoj elbrilas tiom da sento pri amikeco kaj amo. Li interesiĝis pri mi, kiam mi komunikis al li komisiaĵon, kaj li rimarkis je la unuaj paroloj, ke ni harmoniis, ke li povis paroli kun mi, kiel ne kun ĉiuj. Ankaŭ mi ne povas sufiĉe laŭdi lian malkaŝan konduton kontraŭ mi. Tiel vera, varma ĝojo ne estas en la mondo, kiel vidi grandan animon, kiu malfermiĝas al ni.

La 24-an de decembro 1771.

La ambasadoro multe ĉagrenas min; mi antaŭvidis ĝin. Li estas la plej akurata frenezulo, kiu ajn ekzistas; paŝo post paŝo kaj malpraktika kiel maljunulino; homo, kiu neniam estas kontenta pri si mem, kaj al kiu sekve neniu povas agi dankinde. Mi amas labori rapidete, kaj kiel ĝi estas skribita, tiel ĝi estas skribita; tiam li estas kapabla redoni al mi la skribaĵon kaj diri: « Ĝi estas bona, sed tralegu ĝin, oni ĉiam trovas pli bonan vorton, pli koncizan partiklon. » Tiam mi dezirus fariĝi diabla. Neniu « kaj », neniu konjunkcio devas esti forlasata, kaj de ĉiuj inversioj, kiujn mi skribas kelkfoje, li estas malamikego. Se oni ne diraĉas la periodojn laŭ la kutima maniero, li ne komprenas eĉ unu vorton. Estas suferado, interrilati kun tia homo.

La konfido de la grafo C... estas la unika, kiu donas kompensaĵon. Freŝdate li diris al mi tute sincere, kiom malkontenta li estas pri la malrapideco kaj la dubemo de mia ambasadoro. La homoj malfaciligas ĝin al si kaj al aliaj, « tamen », li diris, « oni devas kontentiĝi kiel vojaĝanto, kiu devas superpasi monton; certe, se la monto ne estus, la vojo estus multe pli agrabla kaj mallonga; sed ĝi ja estas, kaj oni devas transiri! »

Mia ĉefo eble ankaŭ sentas la preferon, kiun donas al mi la grafo, kaj tio kolerigas lin kaj li ekkaptas ĉiun okazon paroli malbone al mi pri la grafo; mi kompreneble kontraŭdiras kaj per tio la afero nur plimalboniĝas. Hieraŭ li eĉ incitis min, ĉar li celis ankaŭ min: Por tiaj mondaferoj la grafo estus tute bona; li havus multe da facileco por labori kaj bonan skribmanieron; sed mankus al li funda instruiteco kiel al ĉiuj beletristoj. Dume li faris mienon, kvazaŭ li dirus: Ĉu vi sentas la pikon? Sed ĝi ne efikis; mi malestimis la homon, kiu povis tiel pensi kaj tiel konduti. Mi malcedis kaj disputis kun iom da malkvieteco. Mi diris, ke la grafo estas viro, kiun oni devas estimi tiel pro lia karaktero kiel ankaŭ pro liaj scioj. « Mi konis neniun », mi diris, « kiu tiel sukcesis plivastigi sian scion, ampleksigi ĝin per nenombreblaj aferoj kaj tamen konservi tiun agadon por la komuna vivo. » Tio estis nekompreneblaĵoj por lia cerbo kaj mi adiaŭis lin, por ke mi ne englutu pli da galo en plua rezonado.

Kaj je tio vi ĉiuj estas kulpaj, kiuj min enbabilis en tiun ĉi jugon kaj parolis tiom pri aktiveco. Aktiveco! Se tiu ne laboras pli multe ol mi, kiu enterigas terpomojn kaj rajdas en la urbon por vendi sian grenon, mi volas dek jarojn ankoraŭ laciĝi per la laborado en la galero, al kiu mi nun estas alforĝita.

Kaj la brilanta mizero, la enuo inter la abomena popolo, kiu sin vidas tie ĉi unu ĉe la alia! La rangamo inter ili, kiel ili maldormas kaj atentas por gajni paŝeton unu de la alia, la plej mizeraj, plej kompatindaj pasioj, tute sen vesto. Jen estas ekzemple virino, kiu interparolas kun ĉiu pri sia nobeleco kaj sia lando, tiel ke ĉiu fremdulo devas pensi: tiu estas frenezulino, kiu mirinde fieras pri la eta nobeleco kaj la famo de sia lando. — Sed estas ankoraŭ pli malbone, la sama virino estas la filino de skribisto de la najbararo.— Vidu, mi ne povas kompreni la homaron, kiu havas tiel malmulte da prudento por tiele endanĝeriĝi.

Mi ja rimarkas ĉiun tagon pli multe, karulo, kiel malsaĝa oni estas, juĝante aliajn laŭ si. Kaj ĉar mi havas tiom da laboro kun mi mem, kaj tiu ĉi horo estas tiel tumulta — ha, volonte mi lasas iri la aliajn la vojon, se nur ili ankaŭ lasus min iri.

Kio plej multe incitetas min estas la malagrablaj civilaj rilatoj. Mi tre bone scias, kiel necesa estas la diferenco inter la klasoj, kiom da profitoj ĝi havigas al mi mem, sed ĝi ne ĝenu min, ĉar mi povus ĝui ankoraŭ iom da ĝojo, eron da feliĉo sur tiu ĉi tero. Dum promenado antaŭ nelonge mi koniĝis kun fraŭlino de B..., aminda kreaĵo, kiu ricevis tre multe da natureco meze de la pedanta vivo. Ni plaĉis unu al la alia en nia interparolado, kaj disiĝante mi petis la permeson viziti ŝin.

(*Daŭrigota*)

# ESPERANTISMO

### AL NIA LEGANTARO

Ni rememorigas al niaj legantoj, ke ni deziras la kunlaboradon de kiel eble plej multaj samideanoj por la redakto de la rubriko « Esperantismo ». Ne necese estas skribi leterojn : plej ofte sufiĉas poŝtkarto. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri nia movado, sed kompreneble ni devos kelkfoje resumi, ĉar mankas al ni loko. Ni rekomendas al helpontoj la precizecon ; ili bonvolu indiki la daton de ĉiu fakto (parolado, kurso, k.t.p.), la devenon de ĉiu informo. Por artikoloj en naciaj ĵurnaloj, oni sendu al ni se ne la ĵurnalon mem, almenaŭ ĝian titolon kaj daton, la nomon de la urbo, kie ĝi aperas, kaj resuman enhavon de l'artikolo. Plue, kiam komitato organizas nacian aŭ provincan kongreson aŭ eĉ feston iom gravan, estas konsilinde konigi al nia redakcio kiel eble plej frue la daton kaj programon de tiu okazontaĵo. Tiela reklamo ne estas vana por la sukceso. Senutile diri, ke ni poste danke ricevos iom detalan raporton pri tiaj manifestadoj de nia vivado. Ĉiuj korespondaĵoj devas alveni antaŭ la *12ª* kaj *27ª* de ĉiu monato al la adreso : « Esperantio, rue de la Bourse, 10, Genève, Svislando.

## EĤOJ DE LA SEPA

### Specialaj kunvenoj

*Internacia Ligo de Poŝtoficistoj.*

Tiu ligo kunvenis la 23 de aŭgusto sub la prezido de S-ro *Otto Amon* (Koloszvar, Hungar.), en halo de la Antverpena reĝa Ateneo.

S-ro *Behrendt*, nova prezidanto de la Ligo, ne povis persone veni sed sendis alvokon legitan kaj tre aplaŭditan.

La prezidinto proponis jenan rezolucion, kiun la alestantoj unuvoĉe akceptis :

La Internacian Ligon de Esperantistaj poŝtoficistoj kiel tute taŭgan internacian organizaĵon la ĉeestantoj juĝas ankaŭ por la estonteco necesa kaj utila al nia komuna afero ; tial la nove elektitan prezidanton kore salutante, ili varmege deziras, ke la ligo ankaŭ plue postrestu, floru kaj kresku. Pro ĉi tiu celo, estas seriozega devo de ĉiu konscia poŝtoficisto helpi kaj fortigi la ligon laŭ siaj plej bonaj povoj, ĉar tio ŝajnas esti gravega garantiaĵo de la estonta progreso.

S-ro *F. Epstein* (Hamburg) proponis dividi la propagandon de la lingvo inter la poŝtistoj laŭ superaj, mezaj kaj malsuperaj rangaj oficistoj, plue, ke ĉiu membro de la Ligo sendu adreson de esperantistaj poŝtoficistoj al S-ro A. Behrendt (Max Str., 22, Breslau, Germanujo).

S-ro *A. Trotin* (La Rochelle) parolas pri la utila agado de S-ro N. Ĥoĥlov (Moskvo), kiu aranĝas adresaron de la esp. poŝtoficistoj.

S-ro *W. J. Westmancote* (Cheltenham) traktis pri la graveco de tiaj poŝtistaj kunvenoj kaj rekomendis kiel eble plej ofte ilin konigi en la naciaj fakogazetoj.

Antaŭ la fermo de la kunsido oni ankoraŭ aŭdis S-rojn *J. O. Naalsund* (Trondhjem), *H. Heinz*, (Frankfurt a/M), *H. Menalda* (Deventer), k. t. p. O. A.

*Internacia Asocio de Instruistoj.*

Dum la Antverpena kongreso okazis du kunsidoj de la anoj de I. A. I. sub la prezidanteco de S-ro *Durieux* (Francujo). Ĉirkaŭ 50 geinstruistoj ĉeestis.

Laŭ la regularo, S-roj *Christaller* (Germanujo), *Building* (Anglujo) kaj *Backheuser* (Brazilio) estis elektataj por anstataŭi la tri elirantajn komitatanojn S-roj *Avilov* (Rusujo) *Fraenkel* (Rusujo) kaj *Backheuser* (Brazilio).

S-ro *Jakobs* (Belgujo) estis ankaŭ elektata kiel plua komitatano. Li akceptis la oficon de helpa kasisto kaj helpa administranto de l'organo de l'Asocio.

Post interkonsento kun S-ro *Ĉejka*, S-ro Jakobs okupiĝos pri la eldono de « Pedagogia Revuo ». Ĉiuj geinstruistoj estas varme petataj aniĝi I. A. I. (1 Sm. Jare), sendi monon kaj ankaŭ se eble artikoletojn al S-ro Jakobs 444 Boomsche Steenweg-Antverpeno-Belgujo.

S-ro *Durieux* prezentis belan specimenon de internacia diplomo por lernantoj. Ĝin oni povas ricevi de la Franca esperanta Societo 33, rue Lacépède, Paris, sendante respondkuponon.

S-ro *Camescasse* parolis pri la rimarkinda matematika inicilo, kies eltrovanto li estas. (1)

Gaja komuna vespermanĝo okazis poste en la Hotelo de la Couronne. Rektoro *Boirac* elokvente tostis je la prospero de I. A. I. — J. A.

## Kvar protestoj

Rilate al la « diskutoj » kaj decidoj pri Rajtigita Delegitaro ni jam ricevis kvar protestojn, kies enhavon ni ĉi sube resumas.

I. La grupo « Verda Stelo » en *Parizo*.

«... Aŭdinte la raporton de S-ro Lamant, sia delegito al la 7-a kongreso, kaj la atestojn de diversaj ĉeestintoj ;

Konsiderante :

Ke la senreguleco kaj konfuzo uzitaj dum la kunsidoj de la Kongreso nuligis la partoprenon de kelkaj Delegitoj ; . . . . . . . . . . . . . . .

Dankas S-ron Lamant pro lia sinoferemo ;

Protestas kontraŭ la decidoj alprenitaj de la VII-a kongreso kaj malakceptas iliajn sekvojn.

II. La Komitato de la Grupo de *Limoges* (Franc.), kies Delegito en Antverpeno estis ankaŭ S-ro Lamant, presigas proteston redaktitan laŭ la samaj terminoj.

III. La grupo « Unua Kongreso » en *Boulogne-sur-Mer* (Franc.), post diversaj kritikoj,

Konsiderante ke :

Rifuzante la rajton de libera diskuto kaj de regula voĉdonado, ke altrudante sian estrecon, eĉ sian komisionon (kies titolon, membraron, kompetentecon ĝi malpermesis diskuti, malgraŭ energiaj protestoj) la estraro mokis la delegitaron ;

La Grupo « Unua Kongreso » decidas, ke ĝi sin disigas el ĉiuj nunaj institucioj kaj el naciaj societoj.

La komitato, antaŭ disiĝo, invitis siajn amikojn aliĝi al U. E. A., kiu estas regule organizita.

IV. S-ro P. Linarès, en *Cordoba* (Hispanujo) prezentas al ĉiuj grupoj kaj sendependaj esperantistoj la suban tekston por subskribi kaj sendi al la komitato de la kongresoj, ktp.

« La Grupo en * * * protestas kontraŭ la *farso* ludita en Antverpeno, farso kiu nepre produktos disduiĝon de la Esperantistaro ; . . . . . . . . . . . . . deklaras, ke krom la fakto de la Fundamento, *ĝi ne akceptas aŭtoritaton*.

« Ni fidu al *Esperanto* kaj al *ni* mem ».

## ONI KONGRESAS !

**Svisa esperanta societo.** — La kutima jara kunveno okazis tiun fojon en Biel (Bienne) la 9 kaj 10 septembro. La 9-an ptm. okazis la diplomaj ekzamenoj, kiuj permesis disdoni diplomojn al ses kandidatoj ; vespere kunvenis la centra komitato. La ĝenerala kunveno la sekvantan tagon kunigis

(1) Al ĉiu instruisto, kiu sin turnos al li, S-ro Camescasse, 1 bis, rue Lallier, Paris, sendos klarigan broŝuron.

en la urbodomo ĉirkaŭ 80 samideanojn, kiuj aprobis la diversajn jarraportojn submetitajn de la estraro al ĝia voĉdonado. Ĉar la ĝisnuna meritplena prezidanto de nia societo, S-ro R. de Saussure, pro troa alia laboro, demetis sian oficon, oni elektis prezidanto S-ron Ed. Stettler, Vicdirektoron de U. E. A., kaj komitatanoj Ges-rojn J. Wenger kaj D-ro Uhlmann, vicprezidantoj ; J. Schmid, kaj F-ino Pulvers, sekretarioj ; F-ino Chenevard, kasistino ; Arnhold, Gorster, Jacquillard Rusterholz kaj Wolf, komitatanoj.

Vivplena festeno kaj ĝoja promenado finis tiun bone sukcesintan manifestadon de vigla nacia societo, kiu malgraŭ akraj atakoj de kontraŭuloj, daŭrigas la vojon elektitan.

H. S.

**Usona Esperanta Kunveno.** — La Nacia Kunveno de la Esperanta Asocio de Nord-Ameriko okazis en la urbo Nov-Jorko, je la 2-a kaj 3-a de Augusto 1911. La kunsidoj estis tenataj en la ĉambroj de la Broadway Central Hotel, ĉe Broadway kaj 3-a strato. Oni festmanĝis je la vespero de la 2-a, kaj organizis publikan propagandan kunvenon je la vespero de la 3-a, ambaŭ aferoj ĉe la suprecitita hotelo. Nov-Jorko estis precipe bona urbo por tiu ĉi kunveno, ĉar tuj poste la vizitontoj al la Antverpena Kongreso, inter kiuj estis la Karavano de S-ro Edwin C. Reed, enŝipiĝis por la transmara vojaĝo.

**Kvina Bulgara Kongreso.** — Tiu kongreso difinita por la 20-24 Aŭg., *ne okazis*, ĉar la grupoj, el kiuj konsistas la Bulgara Ligo, ne sendis sufiĉan nombron da delegitoj. Vidante, ke la esperantista movado en Bulgarujo nepre bezonas alcentriĝon, la Sofia grupo plene reorganizos la Ligon, laŭ la plano de S-ro Nenov (konsulo U. E. A.), kaj baldaŭ proklamos la « Societon p. p. de Esperanto en Bulgarujo ». — G. A.

---

## KRONIKO

**Novaj Grupoj kaj Societoj.** — En *Porlamazo* (Venezuelo) fondiĝis la 31 Julio la societo « Amatoroj de Esperanto ». Prezidanto : S-ro E. Rosario Campo. — R. C.

En *Baden bei Wien* (Aŭstrio), nova grupo. — B. B.

En *Narva* (Rusujo), nova grupo malfermita kun 60 membroj. — J. T.

En *Aracaju* (Brazil.) virina esperantista grupo « Samideaninaro » ; prezidas F-ino S. de Oliveira Ribeiro.

En *Mannheim*, la grupo estas reorganizita ; Prezidanto : S-ro M. Kohan ; la unua kunveno okazis la 22 de Aŭgusto.

M. K.

En *Changchonfu* (Amoy, Ĥinujo) fondiĝis nova societo ; prez. : Esperantiano C. Soong. — K. Ĉ. Ŝan.

En *Saint-Lô* (Franc.) baldaŭ fondiĝos grupo dank'al la klopodoj de S-ro Richier. — G.

En *Heraklion* (Kretujo) nova asocio : Panhelena Kreta Esperanta Societo. — G.

En Hungarujo, « Hungarlanda Esperanta Societo la Verda Standardo » kunigas la du malnovajn propagandajn Asociojn de la lando. — G.

En *Lorne* (Aŭstrio).

En *Kviril* (Gub. Kouta, Rusujo). Sekve de parolado de S-ro Naumenko. — G.

**Novaj kursoj.** — En *Lyon* (Franc.) la « Cercle Esperantiste » organizas 3 kursojn direktatajn de Profesoroj Chevallier, Maruit, Cloupet. — J. C.

En *Weinbœhla* (Saks.) post propaganda vespero ; 34 lernantoj (la urbeto havas nur 6.300 loĝ.) El 20 instruistoj, jam 6 estas esp-istoj. — A. Sch.

En *Porto* (Portugal.) senpaga kurso de F-ino L. Rodrigues.

M. da S.

En *Rostock* (German.) kurso por laboristoj. R. B.

En *Torrepellice* (Ital.) gvidata de Prof. D-ro A. Vinay ; 30 junuloj.

En *Trieste* (Aŭstrio) 4 kursoj gvidataj de S-ro Cossaro Demetrio. — V. P.

En *Mannheim* (German.) la 29 aŭgusto, gvidata de S-ro Kohan.

En *Gouda* (Nederlando) speciala kurso de S-ro Lafeber al militistoj. — G.

En *Kostroma* (Rusujo) nova kurso de S-ro Uŝakov ĉe la Reala Lernejo. — G.

Usono : en *Topeka* (Kansas) ; *Charlestown* (Suda Karolino) ; *St-Louis*, ĉe la katolika lernejo ; *Nebraska*, ĉe l'Union College. — G.

**Kunvenoj kaj Festoj.** — En *Atlantic City* (Usono) okaze de la kunveno de Kristanaj Celadistoj (10.000 ĉeestantoj), kunsido estas aranĝita la 11 julio. Diversaj oratoroj parolis pri la utileco de Esperanto por la kristana Celado ; ĉeestantoj esprimis sian simpation al la leĝprojekto prezentita la 21 junio al la « Domo de la Reprezentantoj » ; tiu projekto estas, ke la Nacia Komitato pri Lernado esploru kaj raportu pri la praktikeco de nia lingvo en la internaciaj aferoj de la registaro. La ekspozicio de esperantaĵoj havis sukceson, kaj vendiĝis multaj propagandaj libroj kaj gramatikoj. — L. E. C.

— En *Borgo* (Finlando) la unua aŭtuna kunveno okazis la 12 septembro ĉe nia Vic-Del., F-ino Andersen. S-ro Bergh rakontis pri la Antverpena kongreso kaj sia eksterlanda vojaĝo. La vigla, atente aŭskultita rakonto certe estis por ĉiu ĉeestanto instiga rimedo por daŭrigota plilertiĝo en la helplingvo. — W. W.

— La 30 julio vizitis *Rusĉuk* (Bulgar.), 300 rumanaj esperantistoj, kiuj alvenis sur ŝipo ornamita per esperantaj flagoj. Inter la atendantoj troviĝis la konataj samideanoj, S-roj Uzunov, Ĥaralambev, Spasov, Terekiev, ktp. Post longaj vivuoj, unue parolis la vic-urbestro de Rusĉuk, S-ro Panajotov, kiu rumane salutis la gastojn. Respondis al li en esperanto D-ro Robin, kies paroladon oni tuj tradukis rumanen kaj bulgaren por la publiko. Ĉiuj procesie iris al bierejo, kie la urba komunumo donis malgrandan festenon. Eldiris tostojn S-roj Nikolaŭ (Bukaresto), Ĥaralambev (Tirnovo), Uzunov (Rusĉuk), kaj denove entuziasme parolis la vic-urbestro pri la malaperigo de ŝovinismo per lingvo internacia. — Je la 7-a vespere, la gastoj foriris per ŝipo, kun la promesoj renkontiĝi en Tirnovo. Oni esperas, ke tiu manifestado havos bonan propagandan rezultaton. — K.

**Paroladoj.** — En *Rostock* (German.) nia Del. S-ro Richard Bock paroladis la 8 de Septembro, pri « Esperanto kaj Laboristaro. »

En *Lisbono* (Portug.) la 9 Aŭg. nia Del. S-ro B. Martins d'Almeida parolis antaŭ granda ĉeestantaro pri « Filozofia fundamento de la lingvo Esperanto » ; li traktis speciale pri la vortfarado.

En *Gera* (German.) propaganda vespero kun parolado de S-ro E. Ulitzch ; S-ro Ŝidlovski (Moskvo) diris *esperante*, kiom utilis al li U. E. A. ; liaj frazoj estis tuj tradukataj germanen. — E. U.

En *Trieste* (Aŭstrio) ; la 26 Aŭgusto, S-ro S. Ambrozek pri la historio de Bohemujo ; la 28, S-ro Samblich pri la logika konstruo de Esperanto. — V. P.

En *Creil* (Franc.) S-ro Michon, la 31 de Aŭgusto (pri Esperanto kaj U. E. A.) Multaj ĉeestantoj sin enskribis por la kurso malfermota de la paroladinto. — M.

**Paroladvojaĝo Parrish.** — La 31 de Aŭgusto S-ro Parrish paroladis en *Helsingborg* (Svedujo). Pro la neordinara varmego kunvenis nur kvindek personoj ; ili tre admiris la kolorajn lumbildojn kaj ne ŝparis la aplaŭdojn. La propaganda efiko estis bona. S-ro Parrish vizitis la ĉefan industriiston de la urbo, kiu estas favore impresita. — G. H. B.

Nia migranta oratoro intencis viziti dum oktobro Rusujon kaj Polujon, sed multaj grupoj el tiuj landoj respondis, ke ili ne havas la tempon akiri la necesan polican permeson. La vojaĝplano estas sekve ŝanĝita; de la 5 Oktobro, S-ro Parrish vizitos Aŭstrion kaj Hungarujon kredeble ĝis la 15 Novembro. Poste, tra Germanujo kaj Svisujo. (24 Septembro : *Magdeburg* ; 5 Oktobro : *Breslaŭ*).

**Esperantiaj Distriktaj kunvenoj**. — *Londono*. La Del. kaj Sub. Del. de la distrikto kunvenis la 21 Septembro sub la prezido de S-ro P. Blaise por organizi la laborplanon de la proksima jaro. La kunveno decidis : regule sendi artikolojn pri U. E. A. al la lokaj jurnaloj ; la distrikta reprezentantaro de U. E. A. kunvenos kvaronjare ; Londono formas apartan distrikton, sed entenas la ĉirkaŭajon, kiu estas sub la sama policestraro ; kajero estos sendata ĉiumonate ; ĝi enhavos resumon de la faritaj servoj kaj novajn proponojn.

## OKAZONTAĴOJ

**Esperantista kalendaro.**

*26 Oktobro.* — Unua kongreso de la Aŭstraliaj Esperantistoj en Adelaide.

## DIVERSAĴOJ

.˙. *Gvidfolioj kaj gvidlibroj.*

En la lasta tempo aperis, sub la aŭspicioj de U. E. A., gvidfolioj de *Barmen* (8 paĝoj kun ilustraĵoj), *Bath*, *San-Sebastian*, *Varsovio*. La nombro de la gvidfolioj en Monoa formato, publikigitaj sub la aŭspicioj de nia Asocio, atingas do 66.

Antaŭ la Kongreso aperis diversaj interesaj novaj gvidlibroj : *Dresden kaj la Esperantistaro*. Bela gvidlibro kaj propagandilo kun ilustraĵoj, eldonita en Monoa formato de firmo F. Ader (prezo ne montrita). Tiu 125 paĝa verko enhavas la nomojn kaj adresojn de Dresdenaj Esperantistoj, ĉiujn utilajn informojn por la vizitanto, kelkajn interesajn artikolojn germanlingvajn pri Esperanto laŭ diversaj vidpunktoj. La multaj anoncoj montras, ke la Dresdena komercistaro tute ne malestimas la reklaman valoron de nia lingvo.

La Aŭstria ministerio por fervojaj aferoj publikigis sub la titolo *Pejzaĝoj en Aŭstrio* tre belan gvidlibron ilustritan pri la multaj pentrindaj kaj grandiozaj lokoj de l'imperio. Tiu eldonaĵo estas certe el la plej luksaj ĝis nun eldonitaj gvidlibroj. Tre atentinda estas la fakto, ke tiu gvidlibro estas oficiala eldonaĵo de la fervoja ministerio, kiu tiamaniere uzas Esperanton por konigi eksterlanden la belaĵojn de sia lando.

*Holland-Express*, oficiala organo de la publika centra informejo por fremduloj en Nederlando, eldonis grandformatan ilustritan gvidlibron tra *Holando*. Ricevebla de Holland-Express, Oppert, 97, Rotterdam, kontraŭ 20 Sd.

La Unua Esperanto-Societo en Baden siaflanke eldonis Esperantan ilustritan gvidlibron pri *Baden*, kuracloko apud Wien.

.˙. *Esperanto kaj kinematografo*. La unua uzo de kinematografo por Esperanta propagando ! Dum la Sepa, la konata firmo Gaumont prenis plurajn interesajn filmojn de kongresaj scenoj en Antverpeno, speciale de la foriro al la ekskurso sur la Skeldo kaj de la malferma kunveno. Tiuj filmoj estis reprezentitaj dum la sekvanta semajno en la multaj diversurbaj kinematografhaloj, kiuj uzas la filmojn Gaumont.

.˙. *Modesta heroo !* — La rusa gazeto *Retĉ* informas nin, ke « Petrokova policestro ordonis, ke oni detruu sur la stratoj elpendaĵoj la esperantajn surskribojn, ĉar la loĝantoj ne komprenas ilin ». Nia grava « kunfrato » ne aldonas, ĉu tiu brava savinto, kiu evitis al sia urbo epidemion de cerbmalsano, estas ordenita aŭ monumentota.

.˙. *Ekspozicioj*. — En la provinca ekspozicio en *Pribor* (Moravio, Aŭstrio) la tiea klubo aranĝis esperantan fakon, Ĝi efike propagandis, ĉar venis 35.000 personoj (12 aŭg. — 19 sept.). — J. G.

En *Auckland* (Nov-Zelando) dum festo de la abstinenculoj, la grupo organizis elmontrejon de Esperantaĵoj. Ĝi speciale dankas la Britan kaj la Nov-Zelandan Asociojn, kiuj ĝin helpis sendante materialon. Rezultato : malfermiĝis 4 kursoj — J. S. R.

.˙. *Esperanta firmo*. — S-ro R. Eliseo Saa (San José, 126, *Montevideo*, Urugvajo) donis la nomon « La verda Stelo » al sia firmo por puntoj kaj festonoj, blankaj tolaĵoj, vestaĵaj ornamaĵoj. — S.

.˙. *L. M. la Londona Urbestro*, Sir T. Vezey Strong, neatendite vizitis la Londonan Esp. Klubon la 22 septembro kaj faris gravan paroladon pri la utileco de Esperanto kiel helpilo al la mondpaco. Lia Moŝto diris, ke dum sia vojaĝo tra Aŭstrio kaj Bohemujo, li renkontis la Princon de Bohemujo, al kiu li paroladis pri la granda utileco de nia lingvo kaj diris, ke laŭ sia opinio tri kvaronoj el la malbonvolo inter diversaj nacioj venas el malkompreniĝoj, kiuj ne okazus se Esperanto estus universale instruita. Tiu parolado ricevis varmajn aplaŭdojn, kaj en la nomo de la klubo S-roj J. Bredall kaj H, B. Mudie esprimis korajn dankojn al la Urbestro.

.˙. *Registara permeso*. – La reprezentantoj de la Esperantista Societo en Madrido estis petintaj de la Ĝenerala Direktoro de la Unuagrada Instruado, ke oni instruu Esperanton ĉe la oficialaj superaj Lernejoj (Universitato, Gimnazioj, Normalaj Lernejoj, ktp.) por formi aron da profesoroj. La respondo troviĝas en la *Gazeto de Madrido* (15 aŭgusto); jen ĝia fino ;

La oficiala enkonduko de tiu instruado estus tro frua ; sed ne vidas la Konsilantaro malfacilaĵon kontraŭstaran, por ke oni permesu la klarigadon de kursoj de tiu lingvo ĉe la oficialaj instruadaj institucioj per profesoroj montritaj de la esperantistaj societoj, kaj por ke oni konstatigu kiel oficialan meriton diplomon pro sukceso ĉe ĝia lernado. Tia permeso estas donota de la respondaj ĉefprofesoraroj, al kiuj oni submetos la proponon pri profesoro.

(Laŭvorte tradukita kaj komunikita de nia korespondanto el Cordoba). — P. L.

.˙. *La metia ekspozicio* en Munĥeno (1912) eldonis kvarpaĝan grandformatan prospekton, kies originaleco konsistas precipe el tio, ke ĝi estas presita per gotaj (Germanaj) literoj. Ĝi estas iom ne facile legebla, sed tute ne malbela.

.˙. *Monhelpon* da 40 Sm. konsentis al la loka grupo la Urbestraro de Le Creusot (Franc.). — M. G.

.˙. *Literaturo*. — La fama kataluna verkisto Joaquim Ruyra intencas tradukigi en Esperanton sian venontan verkon. — M. G.

.˙. *Bibliografio*. — Multaj Esperantistoj scias, ke en Saratov ekzistas la plej vasta esperanta biblioteko : tiu de S-ro Georg Davidov, kiu de 1888 al 1911 zorge kolektis ĉion aperantan. La ĵus fondita « Germana Akademia Esperantista Ligo », decidinte eldoni sciencajn verkojn de ĝenerala intereso, opiniis, ke ne estas pli inda materialo por la unua volumo, ol la dua korektita kaj pliigita eldono de la katalogo de tiu biblioteko. Komparante tiun lastan eldonon kun la unua (1908, ĉe Mœller kaj Borel) oni trovos ne malgrandajn progresojn. Prezo : 1 Sm., ĉe Heckners Verlag, *Wolfenbüttel* (German.).

.˙. *Aviado*. — La franca konsulo por Kent kaj Sussex (Anglujo) ricevis de la grupo « Unua Kongreso » (*Boulogne-sur-Mer*) leteron alportitan de la aviadisto Pourpe, kiu aeroplane trairis la markolon. La letero, datumita 27 aŭgusto, estis transsendota al la grupoj de *Dover* kaj *Folkestone*.

## TRA LA GAZETARO

∴ *Le Travailleur Espérantiste*, nova organo por propagando ĉe la laboristaro. Ĝi estos eldonata nur se ĝi trovas sufiĉan apogon, ĉu moralan, ĉu financan. Jarabono : Franc. 0,60 Sm ; Fremdl. : 0,80 Sm. Skribu al : S-ro Louis, Rue de Bretagne, 49, Parizo.

∴ *Meksika Stelo* denove aperas. Jarabono : eksterlande 2 Sm ; specimena numero kontraŭ respondkupono. Redak. : S-ro A. Gomez Cruz, en Guadalajara.

∴ *Neue Zürcher Zeitung* (Zürich, Svis.) 12 Sept., de S-ro J. Schmidt pri la Sepa

∴ En *The Clarion* (Londono) 2 Julio, artikolo *en* Esperanto de S-ro Héripret pri la Socialismo de la Francaj kamparanoj. — H.

∴ *Berliner Lokal Anzeiger* (Berlino) 31 Aŭg., pri la organizo de U. E. A.

∴ En *La Revue* (Parizo) 1 Aŭg. du artikoloj : de S-ro Abato Richardson pri la progresoj de Esperanto, kaj de S-ro Dejean pri la fanfaronaj artikoloj de l'Idistoj.

∴ La Redakcio de *Germana Esperantisto* ricevis pri la Sepa pli ol *300* eltranĉajojn el nacilingvaj ĵurnaloj ; ĝi konstatas, ke la gazetaro fariĝas pli kaj pli favora al nia afero.

∴ En Kronŝtadt (Rusujo) la marista gazeto *Kotlin* periode publikigas artikolojn pri Esperanto ; ĝi traktis jam pri U. E. A. kaj ĝia celo. — E. D.

∴ *Tiro e Sport*, sporta revuo en Lisbono (Portugal., 15 junio) publikigis denove longan artikolon, kaj la portretojn de la reprezentantoj de U. E. A. en tiu urbo. Ĝi estas favora al nia afero dank'al la penoj de nia tiea konsulo por komerco. — B. M. d'A.

∴ En *La Bourgogne d'Or* Chalon-sur-Saône (Franc. Aŭgusto) esperanta kroniko : du opinioj pri nia lingvo.

∴ En *Akademische Rundschau* (Egeln, German., Aŭgusto) bona artikolo de S-ro Fr. Fleck pri la internaciaj Studentaj unuiĝoj kaj ilia bezono pri L. I.

∴ En *Le Littoral* (Cannes, Franc.), 28 Aŭgusto : pri elekto de Del. ; organizo de U. E. A — 16 Septembro : pri la propaganda parolado de Leŭtenanto Martin.

∴ *Il Nuovo Giornale* (Firenze. Ital.) 4 Sept. anoncas esp. kurson de nia samideano L. Scarselli.

∴ *Journal du Commerce* (La Rochelle, Franc) Septembro, entenas tradukon de « la estonto de la internacia komercpolitiko », kiu aperis en nia 2ª Romerca Bulteno (Julio 1911.)

B.

∴ En la bela japana revuo *La Mondo ilustrita* (Tokio, julio) afable sendita al ni de S-ro Hikosaka, interesa artikolo kaj dek fotografajoj pri nia afero. Dankon al la sendinto pro tiu interesa publikigajo !

∴ La *Gazette de l'Oise* (Compiègne, Franc.), 2 sept. tre favore raportas pri la parolado de S-ro Michon en Creil.

∴ En *Neue Freie Presse* (Vieno, Aŭstrio), 11 sept. artikolo pri la antaŭtaga akcepto de la Vienaj esperantistoj al la Urbestro de Londono, Sir T. Vezey, Strong. — G.

∴ *Die deutsche Warte* (Berlino) ĉiusemajne publikigas longan, interesan kronikon pri nia afero (ĝi okupas preskaŭ tutan paĝon) — B.

∴ *El Mercantil* (Teruel, Hispan.), 16 aŭg., Trafa respondo de S-ro J. Belenguer al ataka artikolo aperinta en alia samurba gazeto (*Liberal*). — B.

∴ En *Jeunesse* (Lausanne, Svis.), septembro, organo de Kristanaj Junulaj Unuiĝoj, artikolo pri la traduko de la Biblio kaj kelkaj notoj pri la lingvo. — H.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Aliĝoj por 1912.

Ni rememorigas, ke laŭ la Statuto la financa jaro de U. E. A. komenciĝas la 1ªⁿ *de Novembro*. Konsekvence, ni de nun ricevas aliĝojn por la periodo daŭranta de la 1 Novembro 1911 ĝis la 31 oktobro 1912.

Ĉiuj aliĝoj ricevitaj post la 1 Oktobro estos konsiderataj kiel valorantaj ĝis la 31 oktobro 1912.

### Proponoj per Iniciatrajto.

La Centra Oficejo de U. E. A. informas, ke la jenaj proponoj formulitaj per iniciatrajto :

*Propono de S-ro Sengerob*, Del en Worms, pri modifo de § 3 de la Statuto (Vidu *Esperanto* de 20 Junio) ;

*Propono de S-ro Brunet*, Del. en Bordeaux, pri modifo de § 17 kaj 24 de la Statuto (Vidu *Esperanto* de 5 Julio) ;

*Propono de S-ro Vermaas*, Del en Rotterdam, pri aldono al § 17 de la Statuto (Vidu *Esperanto* de 20 Julio),

ne ricevis aprobon de la kvinono de la voĉdonrajtantaj Delegitoj, konforme al § 53 de la Statuto.

Konsekvence la supre nomitaj proponoj ne estos submetataj al la ĝenerala voĉdonado.

### Interŝanĝa Fako.

Pri la regularo de la Interŝanĝa Fako, akceptita de la Komitato de U. E. A. kaj publikigita en la Nº de 5 Julio, konforme al § 52 de la Statuto, ni ricevis nenian peton por ĝenerala voĉdonado. Konsekvence tiu regularo estas konsiderata kiel definitive akceptita. En la venontaj N-oj aperos pluaj informoj pri la funkciado de tiu servo.

### Virina Fako.

Dum la 2ª Kongreso de U. E. A. speciale kunvenis la ĉeestantaj Esperantianinoj (27 Aŭgusto). Aprobinte la raporton de S-ino de Ferrer pri fondo de Virina Fako, ili esprimis la deziron, ke : 1º la kotizajo speciala al tiu fako estu fiksata je 0,50 Sm. ; 2º laŭeble, kvar fojojn jare, la *Virina Bulteno* estu sendata al ĉiuj membroj de la V. F.

Pri la redaktado de la Bulteno, oni konsentas, ke ĉio estos unue sendata kaj apartigata de ĉefa redaktorino F-ino Legrelle de Ferrer, poste submetata al la redaktoro de *Esperanto*. Kompreneble en la Virina Bulteno devos esti nek politikaj, nek religiaj polemikoj, sed ĉio rilata al virina vivado devas esti prezentata laŭ kiel eble plej sincera neŭtraleco. La enhavo estos precipe dediĉata al : virinaj rajtoj, medicino, higieno, kuirarto, edukado de infanoj, k. t. p. Unuanime oni konsentis, ke viroj povos aliĝi al la Virina Fako (el la protokolo)).

La provizora regularo de la Virina Fako estas nun submetata al la ekzameno de la Virina Komisiono.

### Laborista Fako.

Konforme al la deziresprimo de la Kongreso, estos ankaŭ starigata speciala fak-asocio por laboristoj, kun *Laborista Bulteno*. La provizora regularo de tiu fako estas nun studata de la Laborista komisiono.

### Avizoj al la Delegitoj.

En monato oktobro estos sendata al la Delegitoj nova *Oficiala Bulteno*, en kiu aperos ĉiuj necesaj informoj pri ilia agado dum la venonta jaro.

En fino de septembro estis dissenditaj al ili diversaj cirkulero-leteroj por varbado de anoncoj en la Jarlibro kaj repagigo de la Esperantiaj Entreprenoj.

### Oficiala Jarlibro.

La Oficiala Jarlibro por 1912 aperos dum novembro. Ni petas, ke antaŭ la 20 Oktobro oni bonvolu sendi al ni ĉiujn

adresŝanĝojn, korektojn, k. t. p. por la venonta eldono.

Ni rememorigas, ke la Jarlibro por 1912 estos presata po minimume 9.000 ekzempleroj. Ĝi do estas la plej disvastigata Esperanta eldonaĵo kaj tial bonege taŭgas kiel reklamilo. La tarifo de la anoncoj estas : 1 paĝo (11 1/2 × 16 1/2) 20 Sm. ; 1/2 paĝo, 10 Sm. ; 1/4 paĝo, 5 Sm. ; 1/10 paĝo, 2,50 Sm.

La esperantiaj Entreprenoj (de 1912) rajtas rabaton da 10 0/0 el la supra tarifo.

**Statistiko.**

Jen la movado de la korespondaĵoj ĉe la Centra Oficejo de U. E. A. dum la monato Aŭgusto.

| Ricevitaj. | Forsenditaj. | Mandatoj. |
|---|---|---|
| 888 | 800 | 90 |

Tuta sumo 1778 (sen la Jarlibroj.) Antaŭa monato 2.506.

**Etato de la Esperantianoj.**

Je la 15 Aŭgusto, la nombro de la Esperantianoj estis 7.561 (Antaŭa monato 7.286).

Je la fino de Septembro, la nombro de la Esperantianoj estis **7.804**.

Lastan monaton atingis pli ol 20 membrojn la jenaj regionoj : Firenze, Lodz, Savannah. (Entute 113 regionoj kun plenrajtaj delegitoj). *La Direktoro.*

FINANCOJ

*Konteltiro de U. E. A. de Julio.*

| *Elspezoj* | *Sm.* | *Enspezoj* | *Sm.* |
|---|---|---|---|
| Lupago kaj purigado . . | 41.74 | Kotizoj . . . . . . . . . | 124.65 |
| Salajroj . . . . . . . . . | 178.00 | Esper. Entrepr. . . . . . | 19.52 |
| Oficejo kaj Korespon . . | 67.40 | Gvidfolioj . . . . . . . . | 20.34 |
| Presaĵoj. . . . . . . . . | 58.04 | Distrikta afiŝo. . . . . . | 7.50 |
| Propagando . . . . . . . | 12.40 | Dumvivaj Membroj . . . | 10.24 |
| Forsendado de Jarlibroj. | 20.14 | Ŝanĝitaj markoj . . . . | 42.77 |
| | | Diversaĵoj. . . . . . . . | 0.35 |
| *Sumo* | 377.42 | Venditâjoj. . . . . . . . | 11.30 |
| | | *Sumo* | 236.67 |
| | | *Saldo* | 140.75 |
| | | | 377.42 |

*Konteltiro de U. E. A. de Aŭgusto*

| *Elspezoj* | *Sm.* | *Enspezoj* | *Sm.* |
|---|---|---|---|
| Lupago . . . . . . . . . | 27.60 | Kotizoj . . . . . . . . . | 97.02 |
| Salajroj . . . . . . . . . | 175.00 | Aprobantoj . . . . . . . | 02.00 |
| Oficejo kaj korespon . . | 61.24 | Dumvivaj Membroj . . . | 5.00 |
| Presaĵoj. . . . . . . . . | 174.12 | Esper. Entrepr.. . . . . | 12.00 |
| Propagando. . . . . . . | 20.00 | *Sumo* | 116.02 |
| Diversaĵoj. . . . . . . | 2.08 | *Saldo* | 344.02 |
| *Sumo* | 460.04 | | 460.04 |

*Donacoj por U. E. A. dum Julio, Aŭgusto kaj Septembro*

S-roj Bertoli Sm. 0.30 ; Kanoff Sm. 0 50 ; Balĉev Sm. 0.50 ; Reed Sm. 1.03 ; Parker Sm. 0.24 ; Ŝablovskij Sm. 1.68 ; Teodorov Sm. 0 50 ; Fiŝer Sm. 2.00 ; H. Bolingbroke-Mudie Sm. 100 ; Malgrandaj Sm. 0.20. Kune Sm. 106.95.

*Donacoj por la Internacia Pokala Rondvojaĝo*

S-roj Siegel Sm. 2.03 ; Forestier Sm. 2.00 ; Bow Sm. 0.40 ; Coppet Sm. 0.40 ; Daw Sm. 0 40 ; Pion Sm. 0.40 ; Rousseau (Kolektita en Autun) Sm. 0.84. Kune Sm. 6.50, kun antaŭaj sumoj Sm. 107.50 = Sm. 114.00.

**Novaj Del. Vicdel. aŭ Subdel.**

AALBORG (Danujo). — S-ino Kirsten Pedersen, Kamnerkontoret.

AARHUS (Danujo). — S-ro Kristian Petersen Heilskov, Bibliotekoficisto, 18 Hendrik Pontoppidansgade.

ACCRINGTON (Anglujo, Lancashire). — S-ro Edwin Roberts, Komizo, 15 Owen Street.

ANACORTES (Usono, Washington). — S-ro Frank P. Zent, Dogana Oficisto.

CAPE TOWN (Afriko, Cape Land). — S-ro C. F. H. Clark, P. O. Box 2, Wynberg

COLLEGNO (Italujo, Torino). — S-ro Karlo Alliand. (Subdel.).

CORNHOLME (Anglujo, Yorkshire). — S-ro William Stansfield. 767, Burnley Road.

ERFURT (Germanujo, Prov. Sachsen). — S-ro Kandelaki, inĝeniero, Schinkelstrasse 6.

GABROVO (Bulgarujo). — S-ro D. Malĉen, redakt. de l'« Semo ».

GENT (GAND) (Belgujo) — S-ro Henri Petian, Bd St. Liévin 60.

GEYER (Germanujo, Kgr. Sachsen). — S-ro Martin Weissbach, instruisto, Markt.

LAGOS (Afriko, Southern Nigeria). — S-ro Joshua Bagandoji Benjamin, inĝeniero, Broad Street.

MANNHEIM (Germanujo, Baden). — S-ro Mauricio Kohan, Meblolignâjisto, Gr. Wallstadtstrasse 48 III.

MONTEROSSO (Italujo, Sicilio). — S-ro Azzaro Raffaele, studento.

PALATKA (Usono). — S-ino L. L. Boyle, Fifth Street.

PORTMADOC (Britujo, North Wales). — S-ro Victor A. P. Hayman, instruisto, Britania Terrace.

SPALATO (Aŭstrio, Dalmatio). — S-ro Carlo A. Petronio, Bankoficisto, ĉe « Filiale Banca Commerciale Triestina ».

**Ŝanĝoj.**

ARNSTADT : La Del. estas nun, S-ro Kunze, instruisto, Lohmühlenweg 1. — AUCKLAND : La Vicdel. estas nun, S-ro J. S Russel, Kasisto, Grange Road. — BAKU : La adreso de l'Del. estas nun, S-ro D-ro A. A. Rodionov, Voronzovskaja 25. — BERLIN : La Del. estas nun, Christian Sostmann, Berlin N. W. 87, Levetzovstrasse 23 II. — La Vicdel estas nun, F-ino Martha Rabe, Berlin, N. W. 52, Spenerstrasse 4. — PALERMO : La adreso de l'Del. estas nun, S-ro Stefano La Colla, R. Archivio di Stato. — RIAZA : La Vicdel. estas nun, S-ro Nicol Barabanov, Astraĥanskajastr. — RIO DE JANEIRO : La Del. estas nun, S-ro Carlos Telloso, publika oficisto, Telegrapho National. — La Vicdel. estas nun, S-ro D-ro Toledo de Layola, Dentisto, A. Gomes Freire 108.

**En la jenaj lokoj ne plu estas Delegito :**

Biel, Wynberg, Beltrum, Everett, Cronstadt, Hebden-Bridge, Setubal, Tabor, Melitopol, Barinaul, Konstantinoplo, Bendzein, Angers, Ivry, Arta, Charleville, Gœttingen.

**Novaj Esperantiaj Entreprenoj.**

LODZ (Polujo). — Esperantista Poŝtkartejo, Konstantinavska 26.

SOLOTHURN (Svisujo). — Knaba Instituto Wenigstein.

**Eksigoj.**

Josefo Daniel, Del. en ABAUJSZANTO.
F-ino Borbin, Subdel. en ANGERS.
E. Hotton, Del. en ATH.
Eugen Radics, Del. en BEREGSZASZ.
Paul Lohmann, Del. en BORNHOLM.
Ramon Moncada Isla, Del. en CASCORRO.
Eugene M. Pope, Del. en CHICAGO.
Luis Aristeguieta Grillet, Del. en CIUDAD-BOLIVAR.
Bernardo M. Gomez Otero, Del. en CIUDAD-REAL.
Querino de Oliveira, Del. en EXCANTADO.
Henning Holmstrœm, Del. en ESKILTUNA.
Zoltano Engel, Del. en FENYVESVOELGY.
Albert Hug, Del. en FRIBOURG.
B. Boettcher, Del. en GROSSENHAIN.

Robert Ashford, Del. en HAWKINSVILLE.
Aleksandro Ŝilov, Del. en JABENSK.
Bert. P. Mill, Del. en IDAHO FALLS.
V. Bielski, Del. en KARAĈOV.
Enge Bjorn, Del. en KRISTIANSUND.
Johann Vojrech, Del. en LINZ.
K. Urban, Del. en LITOVEL.
Ferdinand Mosnik, Del. en MISTEK.
S. Sidki, Del. en NAZLI.
Petro Kal, Del. en POLLAFRUGELL.
P. Schor, Del. en PIATR NEAMT.
T. C. Crary, Del. en PRAIRIE-DU-CHIEN.
J. R. Brown, Del. en PRINCE RUPERT.
Joans Tracz, Del. en PRZEMYSL.
G. Meirion Griffith, Del. en RHOS,
D-ro Beach, Del. en SHELDON.
Pastro John R. Bennett, Del. en SHELTON.
Emil Elenius, Del. SUURSAARI.
E. Pascal, Del. en TARARE.
A. Badia, Del. en TERRASA.
J Cliff Anderson, Del. en TERRE-HAUTE.
Louis Cabada-Molino, Del. en TEZIUTLAN.
Harry S. Blaine, Del. en TOLEDO (Usono).
Labor, Del. en TOWNSVILLE (Aŭstralio).
Reginald Chase, Del. en VANKLEEK HILL.
Juliano Szpunar, Del. en ZMIGROD.

Ne paginte sian kotizajon por 1911, malgraŭ ripetitaj avertiloj, la supraj Del. estas forstrekitaj, konforme al la regularo.

---

# PAROLADVOJAĜO DE S-ro PRIVAT

Dum tiu ĉi vintro, nia konata Esperanta oratoro S-ro Edmond Privat, Lic. beletr. de l'Pariza Universitato, intencas fari tra Eŭropo paroladvojaĝon kun sia edzino. Li intencas viziti kiom eble plej multe da diverslandaj grupoj kaj fari al ili paroladojn en Esperanto, pri nia literaturo, la vivo de nia lingvo, ĝia uzado, ktp. Ankaŭ li faros propagandajn paroladojn en Esperanto kun la helpo de nacilingvaj tradukantoj kaj parolantoj. S-ro Privat profitos tiun vojaĝon por helpi la disvastigon de U. E. A. kaj viziti ĝiajn Delegitojn.

Laŭbezone S-ro Privat, kun helpo de lokaj Esperantistoj, ekzamenos kandidatojn al la 2-a kaj 3-a diplomoj de l'Instituto en la lokoj kie ne ankoraŭ ekzistas speciala juĝantaro.

Ni do tre esperas, ke granda nombro da grupoj invitos S-ron Privat kaj profitos tiun okazon por fari en sia urbo viglan propagandan laboron, per organizo de ekspozicio, gazetartikoloj, vizito al gravaj firmoj, ktp.

Por ke la vojaĝaj elspezoj estu kiom eble plej parte pagataj nek de la grupoj, nek de la paroladisto mem, kiel ĝi bedaŭrinde ofte okazis ĝis nun, S-ro Privat proponas, ke la grupoj, kun helpo de franclingvamantaj societoj aŭ lernejoj en sia urbo, organizu pagatajn literaturajn paroladojn, kiujn li volonte faros france, kaj kiuj povos grandparte pagi la elspezojn. Por tio la grupoj devus tuj sin turni al la taŭgaj institucioj antaŭ ol tiuj starigos sian vintran programon.

Francaj paroladoj estas ofte ŝatataj en ne francaj landoj kaj povos plie interesi al la vizito de S-ro Privat la kleran kaj mondanan parton de la loĝantaro.

Ankaŭ, se estus necese, la grupoj povus organizi kun la esperanta parolado de S-ro Privat koncerteton aŭ balon kun ioma enirpago, por helpi la pagon de l'elspezoj.

La jena programo povus esti aranĝita :

*Unua Tago*

Ptmeze, je la 5-a aŭ 6-a : Franca Literatura Parolado.

Vespere : Esperantista festkunveno kun parolado en Esperanto.

*Dua Tago*

Matene : Vizitoj al gravaj firmoj kaj institucioj, jurnalistaj intervjuoj, ekzamenoj, ktp.

Ptmeze je la 5-a aŭ 6-a Paroladeto al Esperanto-instruantoj.

Vespere : Propaganda publika kunveno.

Por ke S-ro Privat povu kiel eble plej baldaŭ starigi la planon de sia vojaĝo kaj ekveturi en novembro, la grupoj kiuj intencas inviti lin nepre skribu tuj al ESPERANTIO, 10, rue de la Bourse, Genève (Svisujo), sub nomo Ed. Privat, dirante kian sumon ili povas garantii por la elspezoj. Ni konsilus ke ili starigu garantian sumon inter bonvolaj grupanoj.

*Noto.* — Por la francaj paroladoj S-ro Privat, licenciato de beletristiko de l'Pariza Universitato, proponas, interalie, la jenajn temojn :

La verkaro de Vigny ; La teatra verkaro de Musset ; La simbolaj teatraĵoj ; Edmond Rostand ; Poezio en la vivo ; Pri unu nova literaturo ; Kiel mondlingvo estas ebla ? ; Théophile Gautier (centjara datreveno de lia naskiĝo) ; Gustave Flaubert.

---

## D-ro SIEGFRIED LEDERER

Malbona novaĵo venis al ni el Praha : la 8 de septembro subite mortis tie, pro apopleksio, D-ro S. Lederer. Grava perdo ĝi estas ne nur pro la Aŭstria, sed ankaŭ pro la Gemana Esperantistaro ; ili forte sentos la foreston de tiu afabla kaj servometa amiko, entuziasma samideano, senlaca helpanto.

D-ro Lederer estis kunlaboranto de la luksa revuo *Universo* kaj redaktoro de la propaganda gazeto *Rund um die Welt*, kiun li fondis en Novembro 1909 kun D-ro Schramm (Dresden). Inter liaj verkoj ni povas citi la tradukon el dana lingvo de *Bildolibro sen bildoj* (Andersen) kaj el Germana lingvo de *Sufero* (Carmen Sylva); ne malgrava estas ankaŭ la *Esperantista Poŝkalendaro*, kies zorga kaj konscienca redaktado postulis de li grandan laboron. Krom tio, liaj propagandaj paroladoj kaŭzis la fondon de multaj grupoj. Notinde estas, ke D-ro Lederer redaktis dum kvar jaroj (1889-92) volapükan gazeton, publikigis volapükajn tradukojn, forlasis la lingvon, kies malsukceson li antaŭvidis, kaj post kelka tempo fariĝis konvinkita adepto de Esperanto. — Jen kelkaj biografiaj notoj :

Naskiĝis en Praha la 30 junio 1861 ; studento de klasika filologio ; gimnazia Profesoro en Praha ; Scienca direktoro de « Prager deustche Urania » kaj redaktoro de « Stereoskopisches Museum » ; publikigis Germane originalajn verkojn kaj tradukojn el fremdaj lingvoj.

Multaj samideanoj el Bohemujo kaj Germanujo akompanis lian funebran procesion. En la tombejo parolis D-ro Schramm je la nomo de Germana Esperanto-Asocio.

---

# Esperantia Parolejo

## Al niaj korespondantoj

Kelkaj el niaj korespondantoj senpacienciĝas, ke ilia artikolo por tiu aŭ alia rubriko de nia gazeto ne ankoraŭ aperis, kvankam de longe sendita. Ni tion ja mem scias kaj bedaŭras, sed pro manko de loko ni tute ne povis alie agi. Ekzistas en niaj manuskriptujoj artikoloj ne havantaj speciale aktualan karakteron, kiuj estas senditaj antaŭ dek monatoj kaj ne ankoraŭ povis aperi. Ni kompreneble devas unue rezervi lokon al artikoloj traktantaj nuninteresan demandon. Oni do bonvolu paciencigi... aŭ, se ne, oni helpu nin por duobligi la nombron de la paĝoj de nia gazeto.

Aliparte ni petas la personojn, kiuj sendas al ni proponojn aŭ sugestojn por la Esperantia Parolejo, ke ili bonvolu ili sendi resumitaj.

Nia devizo devas esti : multaj ideoj per malmultaj vortoj. (Red.)

### Vojaĝo tra Esperantujo

S-ro H. Pfaff, Del. en Worms, sendas al ni interesan raporton pri vojaĝo tra Anglujo, Belgujo, Germanujo kaj Nord-Italujo, dum kiu li sukcese uzis la servojn de nia Asocio, speciale en Toulon, Genova, Torino, Ĝenevo. Jen liaj konkludoj :

« 1 Certe estas konstatebla rimarkebla progreso de Esperantismo kompare al la stato antaŭ tri jaroj. 2 Tamen ŝajnas al mi, ke tiu ĉi progreso rilatas pli al literaturaj aferoj ol al vivaj, kapteblaj aferoj. Ĉar oni vidas tre malmulte da « verdaj steloj », tre malmulte da esperantistaj afiŝoj. 3 Estus tre rekomendinde, jam pro la propaganda efiko, se en ĉiu stacidomo elpendus esperantista afiŝo aparte tiun, eldonita de la U. E. A. Delegitoj ! Bonvolu esplori kaj pripensi tiu ĉi aferon kaj laŭkonforme agi ! 4 La Esp.-oficejoj estu laŭeble proksime de la stacidomo kaj facile troveblaj. 5 En ĉiu Esp.-oficejo devas esti nepre iu, kiu parolas esperante. 6 Ĉiuj gesamideanoj, kiuj iel povas esperante kompreniĝi, portu la verdan stelon ĉiam kaj ĉie. 7 Ĉiu kunvenejo estu rekkonebla per esperantistaj signoj. 8 En ĉiu kunvenejo estu persono esperante parolanta kaj almenaŭ kapabla doni la plej necesan informon per simpla *gvidfolio*.

« Laŭ mia sperto gvidfolio estas senpene starigebla. La Wormsa gvidfolio kaŭzis neniun elspezon al la grupa kaso. Volonte mi estas preta doni informon al ĉiuj, kiuj intencas fari gvidfolion, kiamaniere senpaga gvidfolio estas farebla ».

### Ĉu farinda kaj farebla ?

Antaŭ nelonge mi kaj kelkaj aliaj esperantianoj en Gefle (Svedujo) sidis en nia klubejo, interparolante en Esperanto. Dume tamen ŝajnis al ni ke nia elparolado de la lingvo ne estas tiel bela, kiel ĝi devas esti. Tio estas tre komprenebla, ĉar nia urbo estas tre malofte vizitata de lertaj esperantistoj, kaj ni tial ne havas okazon *aŭdi* la lingvon. Kaj certe svedo ne parolas en la sama maniero kiel ekz. franco aŭ italo. Tiam iu ŝerce diris, ke ni devas havi gramofonon kun ia parolo de lerta esperantisto ! Tio estis nur ŝerco, sed la ideo ŝajnis al ni atentinda.

Oni ja scias, ke tiu moderna instrumento, kiu nun estas tre perfekta, jam estas uzata en kelkaj grandaj institutoj por instruado de lingvoj. Ĉu ne la sama metodo estas aplikebla al Esperanto ? Certe la instruado de nia lingvo estus per tio tre faciligata, kaj la elparolado fariĝus pli unueca en la tuta mondo. Kompreneble ankaŭ kantoj k. t. pl. estas ludeblaj, kio estus bona kaj instrua amuzo dum la klubaj kunvenoj. La plej malfacila flanko de la afero estas kiel ordinare la financa. Bona gramofono estas ja tro multkosta por multaj societoj kaj kluboj, sed tio ŝajnas venkebla. Kelkaj malgrandaj kluboj povas kune havi unu aparaton, aŭ, almenaŭ en pli grandaj urboj estas eble prunti la gramofonon kaj aĉeti nur platojn. Sed la nombro de esperantistaj kluboj estas tre granda, kaj ŝajnas al ni, ke la fabrikado de tiaj platoj estos profitdona. Se nia ideo estas farebla, ni esperas, ke iuj pli kompetentaj ol ni baldaŭ efektivigos ĝin.

R. Pehrsson.

### Persekutado daŭras

Nia Delegito en Kronŝtadt (Rusujo Eŭropo), S-ro P. Kolisko estas arestita pro tio, ke...li propagandis nian lingvon ! ! Ĉiuj Delegitaj paperoj estas konfiskitaj en lia hejmo. Krom tio oni malpermesis al li loĝi de nun en Kronŝtadt kaj gardis lin dum pli ol tuta monato en malliberejo ; li restadas de nun en Peterburgo.

Ni profunde bedaŭras tiun malĝojan aferon kaj certigas al nia amiko nian koran simpation kaj samideanan estimon.

### Al Delegitoj

Pro statistikaj kaŭzoj mi estus dankema al ĉiuj eksterlandaj delegitoj se ili sciigos al mi kiom da danaj esperantistoj laŭ ilia scio troviĝas en la rilata regiono.

Ad. B. Hansen, Del. *Kopenhago*,
Dr. Orgas Vej, 47.

### Oni proponas !

∴ S-ro H. Test, Del. en Filadelfio (U. Ŝ. A.), proponas, ke U. E. A. kreu specialan servon de komercaj anoncoj en *fremdlingvaj* jurnaloj ; la Delegitoj mem tradukus la anoncojn en sian lingvon.

∴ S-ro A. Klimovskski en *Zolotonoŝa* (Rus.) proponas :

1e Ke la Esperantia Librejo eldonu poŝtkartojn kun respondo (duoblajn poŝtkartojn) ;

2e Ke ĉiu letero, kiu entenas peton al Delegito, havu oficialan markon, vendeblan *nur* al membroj ; tio estus kontrolo pri membreco de la korespondanto.

∴ S-ro C. G. Stuart, en *Londono*, proponas, ke ĉiu korespondajo surhavu verdan stelan kaj la vortojn « Universala-Esperanto-Asocio », aŭ almenaŭ « Esperanto. »

### Oni laudas !

∴ S-roj J. Velev kaj St. Kirilov, esperantianoj el *Harmanli*, korege dankas al S-ro Malĉev, Del. en *Gabrovo* (Bulgarujo), pro la faciligoj kaj faritaj servoj dum ilia ĉeestado en tiu urbo.

∴ « Sciante nek germanan, nek rusan lingvojn, ni jus vojaĝis tra ĉi tiuj landoj nur dank'al Esperanto.... Neniam ni sufiĉe dankos la Berlinajn, Varsoviajn, Peterburgajn kaj Moskvajn samideanojn kaj Del. de U. E. A. pri ilia varmega sindoneco kaj afableco por montri al ni la vidindaĵojn de siaj urboj... »

Gesroj G. Chantaz,
*Boulogne-sur-Seine* (Franc.).

∴ « Farinte rondvojaĝon tra Belgujo, Nederlando, Germanujo kaj Italujo, mi ĉie trovis laŭokaze helpon de la Delegitoj. »

J. Cloupet, Komercisto en *Lyon*.

Tiu esperantiano, dank'al la helpo de la Delegito, S-ro de Balzac, trovis novajn klientojn en *Torino* (Ital.). Ĉiujn helpintojn li kore dankas.

∴ S-ro R. Dobrzanski el *Kievo* (Rus.)vizitis en Dresdeno la Higienan Ekspozicion, la vegetaranan kongreson kaj la Ekspozicion. « La servoj de U. E. A. estis tiom necesaj kaj gravaj, ke mi konsideras kiel mian moralan devon esprimi tie ĉi publikan dankon al S-roj Del. F. Radeck kaj F. Ader por ilia sindonema helpo, kaj S-ro inĝeniero H. Hurler. »

## Esperantia Vivo

**Mortoj.** — La 8 Aŭgusto, *Esperanto Pohusta*, filo de nia Delegito en Trieste (Aŭstrio).

La 26 Septembro, en Barcelono, *F-ino Karmeno Aguilo*, dekkvinjara anino de la grupo « La Rondo ».

Al ambaŭ familioj ni esprimas niajn samideanajn kondolencojn.

## Alvokoj

### Al ĉiuj reprezentantoj de U. E. A.

Ope dankante ĉiujn afablajn reprezentantojn de nia Asocio, kiuj *sendis* aŭ *sendos* al mi sian adreson kun informo pri sia ofico aŭ profesio (al mi bezona por farota grafikaĵo) *mi ree petas* tiujn, kiuj ankoraŭ ne faris ĝin, ke ili skribu al mi kiel eble plej baldaŭ. Tio estos utila ne al mi persone, sed al nia Asocio.

A. Mazzolini, Del.,
*Perugia* (Ital.) Via Marzia, 4.

### Grava enketo !

Ni esperantistoj, dank'al nia mirinda ligilo internacia, estas speciale kapablaj aranĝi kaj rapide kolekti internaciajn enketojn kaj ĉiuspecajn informojn.

Atentu ! Mi nun publikigas malgrandan enketon : mi kolektas materialon, por skribi tezon pri la nuna stato de vegetarismo (propagando por senvianda nutrado) en la mondo ; (nevegetaranoj, legu plu, mi petas !). Tiu ĉi tezo estos presita en la rusa lingvo, kaj ĝia esperanta deveno estos, kompreneble, notita. Vegetarismo estas en

Rusujo tre populara, kaj pro tio ankaŭ Esperanto-propaganda signifo de la entrepreno estas okulvidebla. Do, mi tre petas ĉiun samideanon-bonvolulon (des pli vegetaranon aŭ abstinenculon!) sendi al mi kiel eble plej senprokraste la precizajn (aŭ pli-malpli precizajn) sciigojn pri stato de vegetarismo en lia urbo (-eto, vilaĝo), regiono aŭ lando. Jen estas la mallonga serio da demandoj :

1) Ĉu ekzistas vegetara movado en via urbo (regiono... lando) ;

2) Ĉu la movado estas organizita (societoj, unuiĝoj, ilia nombro kaj nombro de iliaj membroj) ;

3) Ĉu ekzistas kaj kiom multaj estas en via regiono vegetaraj manĝejoj, restoracioj k. s. (iliaj adresoj, proksimuma nombro da ĉiutagaj manĝantoj) ;

4) Ĉu ekzistas en via regiono vegetaranaj kolonioj (pure-veg. ĉu miksitaj?), kaj ĉu ili bone prosperas;

5) Ĉu aperas en via lando gazetoj, traktantaj pri la senvianda nutrado (ilia nombro kaj nomoj) ;

6) Ĉu ofte okazas en via lando vegetaranaj kongresoj, kaj ĉu ili havas multajn partoprenantojn ;

7) Ĉu vegetara movado en via lando havas nur ekonomian kaŭzon, ĉu ankaŭ etikan, aŭ eble higienan.

Tiuj ĉi informoj estas al mi necesaj, kaj mi volonte por ili pagos per... bela poŝtkarto. Do, armite per vere esperantistaj virtoj : « l'espero, l'obstino, kaj *sen*-pacienco », mi atendas la afablajn respondojn de geamikoj — esperantistoj.

Mi insiste petas ĉiujn gazetojn esperantajn represi tiun ĉi alvokon.

R. J. Dobrzanski, Vic-Del. U. E. A., *Kielce* (Polujo-Rusujo), str. Rynek, 4.

### Por ekspozicio

La Esperantista Grupo en *Vevey* (Svisujo) organizos dum oktobro esperantan ekspozicion : ĝi dankeme ricevus por tiu celo poŝtkartojn, ekzemplerojn de ĵurnaloj, ktp. Adreso : S-ro Ch. Balsiger, Del. U. E. A. ; Chaumontet-sur-Vevey, Svisl.

### Al Kristanaj Samideanoj.

« Kristana Celado » estas la nomo de tre granda organizo de junuloj de la eklezioj de Usono kaj aliaj landoj. Multaj el ili rekomendas la uzon de Esperanto. En la Ŝtato Nebraska ili estas preskaŭ 450 kaj havos kunvenon 26-29 Oktobro. Eminentulo parolos pri Esperanto, kaj ekspozicio de esperantaĵoj estos organizata.

Se multaj kristanoj kaj kristanaj organizaĵoj sendos al mi, por la « Nebraska Ŝtatkunveno de Kristana Celado » fratajn salutojn, mi ilin legos en tiu kongreso. Sendi fotografaĵon de grupo aŭ persono estus pli bone. Antaŭan dankon !

Adresu al : S-ro Ray G. Hulburt. *Kirksville* (Missouri) Usono.

### Granda Esperanta Ekspozicio

En la jaro 1912 okazos en Krakovo (Galicio, Aŭstrio) *VIII Internacia Kongreso Esperantista.* Jam hodiaŭ komenciĝas la preparaj laboroj al Kongreso, kondukataj de du junaj societoj, Akademiaj : Teknikista, Grupo de Esperantistoj en Lvovo kaj Akademia Asocio Esperantista en Krakovo. En Lvovo, ĉefurbo de Galicio, grupiĝis sub protekto de « Teknikista Grupo de Esperantistoj » la Akademia Komitato de Granda Esperanto-Ekspozicio, kiel ĝenerala antaŭkongresa entrepreno. La tasko de Ekspozicio estos : kolekti kaj ekspozi ĉion ajn ĝis nun aperintan en kaj pri Esperanto aŭ rilatantan nian lingvon. Do ni, junuloj, bonesperaj kaj fervoraj batalantoj por nia ideo, turnas sin al ĉiuj samideanoj kun varmega peto : Helpu nin, sendante al ni ĉiajn taŭgajn por Ekspozicio objektojn ; librojn, broŝurojn, gazetojn, muzikverkojn, afiŝojn, katalogojn, prospektojn, prezarojn, etiketojn, societajn regularojn, fotografaĵojn, statistikajn tabelojn propagandajn poŝtkartojn, kovertojn, markojn, invitojn, festprogramojn kaj aliajn presaĵojn, ankaŭ diversajn komercaĵojn (1), kongresajn kaj ordinarajn esperantajn insignojn ktp. Helpu nin, Sekretarioj de ĉiuj Grupoj kaj Societoj esperantaj, sendante ilustritan poŝtkarton kun via grupa sigelo kaj mallongaj informoj pri fondado, nomoj de l' estraro kaj nombro de l' anoj.

Dum la vintro 1911/12 ni faros el ekspozaĵoj *rondirantan ekspozicion*, kiu migros tra la pli grandaj urboj de Galicio, en kiuj samtempe ni faros propagandajn paroladojn pri Esperanto. Ĉiujn objektojn, ricevitajn prunte, ni resendos sendifekte al posedantoj kun profunda danko. *Ĉiujn donace ricevitajn ekspozaĵojn ni transdonos al krakovaj samideanoj por « Kongresa Ekspozicio » kaj poste al Centra Oficejo por daŭriga propagandado.*

Ĉiujn sendaĵojn oni adresu al : *S-ro Benedikto Herold*, Delegito de U. E. A., Lvovo (Lwow), str. A. Potockiego, 22 (Galicio-Aŭstrio), kun afabla surskribo : « Por Ekspozicio ».

### Kinematografaj fotografaĵoj pri la Sepa

Dum la Sepa la mondkonata firmo « Gaumont », fabriko de filmoj fotografis la diversajn festaranĝojn. Feliĉe mi sukcesis ricevi ekzempleron de la filmo (longeco ĉirkaŭe 100 metroj) kiu bonege estas konstruita kaj montras interalie kelkfoje fotografaĵojn de nia kara majstro. Malgrandan parton de la filmo oni jam prezentadis en Germanujo en « Gaumont Woche » N° 46. Sed la pligranda parto ĝis nun ne estas ie montrita nek estos montrata. Mi nun estas preta pruntedoni la rekomendindan filmon kontraŭ repago de miaj elspezoj al ĉiu samideano, por ke li povu ĝin prezenti en sia grupo aŭ en ia kinematografa teatro de sia urbo. Tiamaniere ĉiu, kiu malfeliĉe ne povis viziti Antverpenon, povas sen perdo da mono au tempo rigardi kaj anime travivi la Sepan kaj bilde konatiĝi kun D-ro Zamenhof. Sin turni al : S-ro Alfred Schœne,

Jungmannstr, 11. Hamburg, 23.

(1) Laŭ interkonsento vendeblaj dum Ekspozicio.

Nazli (Turkujo). — S-ro. B. Marko Karmona, strato Arpa Pazar; Pl., L., S-ro Konstantino G. Zaglaris, strato Kendir Pazar; Pl. L., PM. S-ro Mihaelo Kajakopoulos, strato Arpa Pazar; Pl.

Riga (Rusujo). — S ro Michael Buivid, Postfach str 426; Pl.

Menomonee falls (Usono, Wis.) S-ro James Baer, Pl!

Menomonée falls (Usono, Wis). — S-ro W. H. Rintelman, Del. U. E. A.; nur PM.

Saratov (Rusujo). — S-ro P. F. Orlov, Studento 3a kurso de Universitato, Pl., L.

Bordighera (Italujo). — 12-14 jaraj geknaboj deziras interŝanĝi Pl. kun alilandaj geknaboj. Adresu: F-ino Eileen Daly, Sek-ino. Espt. Grupo Antaŭen.

Sofia (Bulgarujo). — S-ro Kiril Ivanov, Str. Lomska, 50. Pl., L., (kun fremdaj gesamideanoj).

Brno (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Ministr Jiri stud. prumysl. ŝkoly, Lichtenauerova ul; Pl.

Krakow (Aŭstrio, Galicio). — S-ro Antonio Grabski, Stolarska, 6, Pl.

Doboj (Aŭstrio, Bosnio). — S-ro Duro Vojkoviĉ, Apotekisto; Pl., L. (ĉiulaud. krom Aŭstr. kaj germ.).

Paris (Francujo). — S-ro Prime Paul, 89, Avenue d'Italie; Pl. (kun ĉiuj eksterеŭropanoj en Azio, Afriko, Ameriko, kaj Oceanio.

Kearney (Nebraska, Usono). — S-ro Robert J. Hill; Corner 6 th. Av. and 27 TH. St. Pl. kaj L.

Romans (Franc.). — Kolonel-leŭtenanto Pillon aĉetas, interŝ. kaj ĉedas PM.

Hannover-linden (Germanujo). — S-ro Al. Schimek, Riklingerstr. 65; Pl. (nur kun eksterlandanoj).

Brünn (Aŭstrio, Moravio). — S-ro G. Neubauer, ĉe Lichtensternako Kœrnergasse 4; Pl., L., PM. kaj fotografaj, kun ĉiuland. samid., prefere ekster Eŭropo.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastian (Hispanujo).

ATENTU! Bonvolu antaŭsendi Mk 1 (1 fr. 25) kaj vi ricevos sukcesplenan novan kanton: *Mi amas vin* (5 ekz. Mk 4. — Fr. 5; 12 ekz. Mk 8. — Fr. 10; 20 ekz. Mk 12. — Fr. 15; 40 ekz. Mk 20. — Fr. 25. — S-ro Felix Hlobil, Valaŝ. Meziriĉi, Austrio-Moravio.

GVIDLIBRO de RAVENNA. — (La okcidenta Bizantio) 54 paĝa, ilustrita per 17 bildoj. *Nievo* Sm. 0,25; *Rajberti. La Kato* Sm. 0,20; *Ilustrita Historio de la ex libris* Sm. 0,40; *Corso di Lingua Esperanto* Sm. 0,20 k. c. interŝanĝe de libroj k. c. en lingvo internacia. Sendu liston kun prezoj al S-ro A. Tellini, Esperanto-oficejo, Vallescura 11, Bologna, Italujo.

PROPAGANDO. — Samideanoj estas petataj sendi ilustritajn poŝtkartojn kun kelkaj vortoj ambaŭflanke pri utileco de Esperanto. Tiuj estos uzataj por ekspozicio. Adresu L. Demarcy, 18, rue Sadi Carnot, Beauvais (Oise) Francujo.

SERIOZA RIPREZENTADO. — Firmo kiu tion serĉas en Germanujo, por enkonduki iun ajn artikolon, donu adreson kun proponoj al: H. Fischer, 46, Westwall, Krefeld, German. (li mem pagas vojaĝkostojn).

HAPSAL (Rusujo, Estlando). — Fotografejo Gruntal dankas ĉiujn siajn korespondantojn kaj petas al li plu nenion skribi. Al ĉiuj respondos.

FAMILIA PENSIONO en ĉarma loko. F-ino Cianferoni, Lung' Arno Acciainoli 2 bis. Firenzo Oui parolas Esperante.

EKSPEDA FIRMO. — Krook Persson, en *Lübeck*. Ekspedoj al Nordo. Eksport- kaj importkomisioj. Adreso: G. Klefe, Unterave 8, Lubeck, German.



*La Administranto (Gérant)*: Michaud

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).

